# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 89ª Jaro - Nº 300 - Septembro 1997




Edson Arantes do Nascimento, unuafoje mondĉampiono je 1958
Nune Ministro pri Sportoj en Brazilo

***"Mi estas Pelé"***
(Aŭtobiografio)
esperantigita

## La Esperanto-Literaturo disponeblas pri cento da biografiaj libroj

- *Kion vi volas esti, ververe, kiam vi estos plenaĝa?*
- ***Aviadisto!***
- *Kaj ĉu vi scias kion vi bezonas fari por esti aviadisto?*
- ***Lerni stiri aviadilon!***
- *Ne. Antaŭ ĉio vi bezonas lerni legi kaj skribi. Kaj estas de tie ke vi komencu.*
  *De nun vi iom forgesu la pilkon kaj viajn petolaĵojn.*
  *Lernu, por ke vi estu "iu" en la vivo.*

BRAZILA ESPERANTISTO

89-a Jaro - Septembro 1997
N-ro 300 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj: S. - G. Ledon - CP 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


## ENHAVO



# Kovrilpaĝo

En E-Katalogo de UEA (1994) troveblas biografiaj libroj en nombro de preskaŭ cent, el kiu 22 nur pri Zamenhof. Mendeblas pere de la Libroservo de BEL, kiu disponas inter aliaj pri jenaj: Aŭtobiografio de Bakterio, Einstein-la Enigmo de Matematiko, Galileu-Galilei, Iŝmael Gomes Braga, Mahatmo Gandhi, Mi estas Pelé, Rui Barbosa, Tibor Sekelj, Vivo de A. Herculano, Vivo de Edison, P. Curie, Lesseps, Pissarro, Vivo de Nansen, Santos Dumont, Lidja Zamenhof, Zola, Adam Mickiewicz.

# *33-a BKE, Curitiba 12/07/97*

*(Inaŭgura parolado de BEL-Prezidantino)*

*Karaj Kongresanoj,*

*AKTUALE LA PLEJ ELSTARAJ TEMOJ RILATAS AL KULTURO KAJ SCIENCO; POR KOMPRENI NIAN EPOKON FINE DE TIU ĈI JARCENTO, LA ĈEFAJ KONCEPTOJ, ESPRIMOJ KAJ TERMINOJ NUNTEMPAJ KLARIGAS LA DIVERSAJN RILATOJN INTER SI.*

***DE**: Antropologio kiel scienco de primitivaj socioj, aŭ kompleksaj socioj, kaj nune simetria socio, kiam estas separo inter la "Ni" kaj la "ALIUJ",*

***AL**: Plastikaj Artoj kie ĉeestas kvazaŭa krizo deire de la medicina universo, kaj ne tuŝas nur la filozofion sed ankaŭ la modernan arton;*

***DE**: Astronomio kiam estas kontraŭaj konceptoj al entropio kiu antaŭvidas ne kontraŭstareblan Universo-finon termodinamikan ĝis kaoso kiu ne antaŭvidas la manieron de kelkaj sistemoj dinamikaj,*



# KALEJDOSKOPE

Kiel vi scias la redaktoroj (aŭ modestaj redaktantoj de revuoj) devas analizi, kribri, selekti la materialon kiun ili ricevas antaŭ ol publikigi ĝin. Ne eviteble ili "rajtas" havi sian propran opinion pri la okazaĵoj kaj eventuale ili esprimas sian pozicion.

Ni ĵus travivis la kongresperiodon kaj la partoprenintoj kiel ni multon spertis, lernis. Multon bonan, malplimultaĵojn pli malbonajn. ...Kiel diras kuba kantisto en internaciaj artvesperoj: "tiel estas... tiel estas la vivo".

Kiel diras la cirkulero de BEL-estraro de aŭgusto 1997, tamen en krokodila portugala lingvo, BEL iĝas 90 jara kaj multaj bonaĵoj alvenas... oni havas la impreson ke subite, neklarigeble, la materialaĵoj, la mono falas de la ĉielo! Kiom bone! Ni ricevis la Trofeon Fyne. Fonto + BEL = Progreso, nedubeble nia bona amiko Bays meritas efikan disvendadon de lia literatura trezoro, frukto de preskaŭ ne taksebla, individua laboro. Sed ĉu vi ne ricevis ŝokon kiam vi eklegis la belan reklaman flugfolion de tiu Esperanta Fonto-beletro kaj konstatis, ke ĝi ĝuste estas en lingvo fremda al Esperanto? "Tiel estas... tiel estas la vivo!"

Pluraj reklamacioj pri la 33-a BKE trafis nin, sinteze ili estas en artikolo ĉe la paĝoj de BEJO... ni ne ripetu la malagrablaĵojn, tion skizofrenie jam faris Amarílio al la duono de la brazila esperantistaro! Tiel estas, tiel estas sed ni konservu la bonaĵojn.

Bonaĵo estis la vizito al "Barossa Valo" en Adelajdo. Tie estas la ĉefa vinproduktejo de Aŭstralio... povraj eŭropanoj kiuj ankoraŭ produktas vinon en keloj... ĉi tie la vinejoj aspektas kun siaj gigantaj cisternoj kaj tubaroj veraj petrol-distilejoj. Logike petrolo por la maŝinmotoroj, vino por la hommotoroj, ĉu ne estas la sama afero?

Trevor Steele, kunordiganto de la kongresa temo, kuraĝe diris, ke nia "civilizita" socio absolute ne devus helpi al la aborigenoj kaj aliaj indiĝenoj aŭ indianoj... Je tiaj diroj oni povus suspekti, ke lavango da putritaj ovoj kaj tomatoj sur lian kapon falus, sed feliĉe nenio tia okazis.

En Aŭgsburgo, kie kuŝis la vere mizera kongreso de SAT, ja la 70-a, tertremo preskaŭ okazis kiam oni ripete anoncis, ke la ŝtata institucio, ĝuste la ŝtatoj, ne kapablas solvi la individuajn kaj kolektivajn problemojn de la homa socio.

Oni estus devinta tion konstati kaj diri antaú pli ol 2000 jaroj... Ni pensu kune.

**NI LABORU KUNE**

Viaj redaktantoj



Ne estas Petrol-distilejo sed aŭstralia vinfarejo

***AL**: <u>Konaj Sciencoj</u> kiuj grupe per konaj streboj celas la komprenon de la menso kaj ĝian rilaton kun la homa cerbo. Tie oni trafas la neŭrosciencojn, la psikologion, la lingvistikon, la filozofion kaj la artefaritan inteligentecon;*

***DE**: <u>Juro</u> kie nia epoko anoncas du tendencojn ŝajne kontraŭdirajn: la solidiĝo de la sintena libereco lasttempe atingita kaj profunda netoleremo rilate al la leĝaj malobeantoj,*

***AL**: <u>Ekonomio</u> kie kapitalo, laboro kaj naturo konsistigas la fundamentajn pintojn de la sistemo kapitalisma kun konsumismo, ĝis tutmondigo, nova esprimo por antikva fenomeno, celante la organizadon de entreprenoj kaj ekonomioj laŭ planeda skalo;*

***DE**: <u>Edukado</u> kiu ampleksas plej diversajn sektorojn, ekde pedagogiaj principoj ĝis sociaj temoj,*

***AL**: FILOZOFIO kun siaj valoro, vero, reprezento, povo, ankaŭ filozofio de la scienco,*

***AL**: <u>GENETIKO, GEOGRAFIO, HISTORIO INFORMADIKO, POLITIKO, RELIGIO, SISTEMO DE KOMUNIKADO, SOCIOLOGIO, TEORIO LITERATURA.</u>*

*Jen tuta ABC de la kompleksa kaj ensorĉa enhavo kiu regas la homaron. Kaj ni havas ŝancon profunde rilati kun ĉiuj aspektoj per komuna esprimilo, la Internacia Lingvo Esperanto per kiu ni denove festas kuneston.*

*Dezirante plenan sukceson kaj al la organizantoj kaj al la ĉeestantoj, MI DEKLARAS LA 33-an BRAZILAN KONGRESON DE ESPERANTO MALFERMITA.*

*Symilde Schenk Ledon*

# GRANDAJ KATOJ KAJ MALĜUSTAJ TRADUKOJ

> Por traduki, ne sufiĉas koni vortojn. Necesas ankaŭ koni la realaĵojn, kiujn la tradukota teksto pritraktas. Lingvo-simboloj ne anstataŭas tiujn realaĵojn, sed fingromontras ilin. Tiel, parolanto kaj alparolato, aŭ aŭtoro kaj leganto, devas kune vojaĝi de realaĵo al simbolo kaj de simbolo al realaĵo, por ke estu interkompreno.
> GEORGES MOUNIN (en LA KURIERO de Unesko, apr. 1962)

"*Le traducteur entre les mots et les choses*" (La tradukanto inter la vortoj kaj la realaĵoj) estas nepre leginda artikolo de G. Mounin (originale franclingva) en la supre-citita revuo de Unesko (paĝoj 24-28). Trafaj argumentoj, abundaj ekzemploj kaj elokventaj bildoj pruvas, kiel multe tradukintoj misgvidis legantojn, pro tio, ke ili tradukis vortojn nekonante la priskribatan realaĵon. Interalie, Mounin ekzempligas pri kelkaj el la ĉirkaŭ 150 vegetaĵoj menciitaj en la Malnova kaj en la Nova Testamento. Ĉi-apude vidiĝas du florbildoj, laŭ Mounin, "nuntempe rekonataj de botanikistoj kaj filologoj kiel tiuj menciitaj en LUKO (12:27) kaj en JESAJA (35:1)". En la vortoj de Mounin, "*le lys des champs*" (la kampara lilio) de Sankta Luko ne estis lilio, sed anemono. Kaj "*les roses*" (la rozoj) de la profeto Jesaja, ne estis rozoj, sed ĉarmaj flavaj narcisoj. Mi serĉis tiujn tekstojn en miaj du biblioj: brazila (*American Bible Society*) kaj Esperanta. En Luko, ambaŭ tekstoj diras **lilioj/lírios** (sed la floroj ja estas ANEMONOJ!). En Jesaja, la tradukoj ne mencias rozojn. La Esperanta tradukinto (Zamenhof) diras **lilio**, kaj la portugallingva diras **narciso** (ĝusta traduko, laŭ G.M.).



Jesaja (35:1): NARCISOJ



Luko (12:27): ANEMONOJ

Mi nun "remaĉos" mian last-artikolan kriegon pri PLUMINGO, kontentigante la redaktoron de BRAZILA ESPERANTISTO, kiu petis, ke mi klare indiku la lokon de la eraroj. Li konvinkis min. Se la BIBLIO enhavas traduk-erarojn EN ĈIUJ LINGVOJ; se ankaŭ Zamenhof eventuale mistradukis, kial mi devas kaŝi, ke la nuntempaj brazilaj pedagogoj kaj vortaristoj (inter ili, foje, ankaŭ mi) same eraras. *Amicus Plato, sed magis amica veritas!*

Bone ilustritaj malnovaj Esperantaj lernolibroj prezentas bildojn de la tiamaj PLUMO kaj PLUMINGO: ESPERANTO PER INSTRUAJ BILDOJ (1923), BENSONA METODO (1932) kaj JUNUL-KURSO (1952). Tie montriĝas malnovaj realaĵoj apud iliaj ĝustaj nomoj. En 1977 aperis la kompilaĵo ILUSTRITA METODO DE ESPERANTO. Ĝia paĝo 44 montras kopion de la PLUMO kaj PLUMINGO de Bensona Metodo. **En 1977, tiuj skribiloj jam estis muzeaĵoj,** kaj tial apero en lernolibro por komencanto estas strangaĵo. Sed la respondo inter vortoj kaj realaĵoj estas tute ĝusta. La malĝustaĵoj, kontraŭ kiuj mi kriegas, okazis en la kurantaj jaroj, en vortaro kaj lernolibro. Jen ili: 1) NOVO DICIONÁRIO PORTUGUÊS-ESPERANTO (FEB, 1989). Tie legiĝas: "**CANETA, plumingo.**" Tio ja estas eraro, ĉar neniu apuda bildo aperas. Kaj ĉiu san-mensa uzanto de tiu NOVA VORTARO nepre konkludos (erare), ke la nuntempa "**caneta**" estas PLUMINGO. 2) Kontaĝe, tiu eraro aperis ankaŭ en ESPERANTO CONVERSACIONAL (KKE, 1995), en vortareto sur paĝo 27, kaj eble ankaŭ en aliaj lernolibroj. La sekva eldono de ESPERANTO CONVERSACIONAL jam estas korektita. Kaj mi petas al ĉiuj, kiuj havas tiun NOVO DICIONÁRIO aŭ malnovan eldonon de ESPERANTO CONVERSACIONAL aŭ iun ajn alian lernolibron kun tiu eraro: bonvolu preni PLUMON (ne PLUMINGON, kiun vi certe ne trovos) kaj korektu ĝin.

* * *

Nun mi parolos pri grandaj katoj. Pli teknike, mi parolos pri specioj de la familio FELISEDOJ, al kiu apartenas la hejma kato (*Felis catus*) kaj la majesta leono (*Panthera leo*). La plej granda kato estas la tigro (*Panthera tigris*), sekvata de aliaj el la genro *Panthera*. FELISEDOJ havas pliajn genrojn: *Felis*, *Lynx*, *Acinonyx* ktp. Mi tamen ne pritraktos vortojn traduke senproblemajn, indikantajn la saman teknikan terminon — kaj do la saman beston. Kelkaj vortoj estas preskaŭ egalaj Esperante kaj portugale, kiel leono, tigro kaj pumo (*Felis concolor*). Aliaj estas malsamaj, kiel OCELOTO/JAGUATIRICA (*Felis pardalis*). Ili tamen fingro-montras la samajn bestojn, kaj tial ilia uzado ne bezonas komentojn ĉi tie. La pritraktota vortara konfuzo rilatas nur al kvar grandaj katoj: LEOPARDO, JAGUARO, UNCIO kaj GEPARDO.

1. LEOPARDO (*Panthera pardus*), laŭ PIV, estas felisedo "el Afriko k Azio, flava kun nigraj makuloj aŭ ringoj", kaj PANTERO estas simpla "sinonimo de leopardo" (vidu bildon). Tiu vortoparo aperas same en pluraj nacilingvaj vortaroj: (P) **leopardo k pantera**; (H) **leopardo k pantera**; (I) **leopardo k pantèra**; (F) **léopard k panthère**; (A) **leopard k panther**; (G) **Leopard k Panther**; (R) **leopárd k pantéra**. La plejmulto el la nacilingvaj vortaroj priskribas la du vortojn tre simile, kaj ĝenerale ne diras, ke ili estas sinonimoj. Nur la BRITA ENCIKLOPEDIO tre klare asertas: "Leopardo

kaj pantero estas unu sama besto; la konfuzo inter la du nomoj aperis ŝajne pro la granda diverseco ekzistanta en tiu specio." PLENA VORTARO partoprenas en la monda konfuzo kaj ne montras la sinonimecon. Kaj la samon faras diversaj dulingvaj Esperantaj vortaroj. Eĉ la ĵus aperinta VOCABOLARIO ITALIANO-ESPERANTO de Carlo Minnaja. Ĉu tiu manko okazis pro malatento de la vortaristoj, aŭ pro intenco kaŝi, ke Esperanto havas denaske, en sia Fundamento, almenaŭ unu paron de sinonimoj? En mia opinio, la ekzisto de perfektaj sinonimoj kaj homonimoj (en malgranda kvanto) nur pruvas, ke Esperanto estas vere vivanta homa lingvo, kaj ne senescepte regula komputila lingvaĵo. Kvankam sinonimoj, la vortoj LEOPARDO kaj PANTERO ja havas malsamajn figurajn uzojn, hereditajn de ilia jarmila uzado en naciaj lingvoj. Kaj ili estas sinonimoj nur rilate al la *Panthera pardus* supre pritraktita. Aliaj bestoj, kiel la NUBLEOPARDO (*Neofelis nebulosa*) kaj la NEĜLEOPARDO kaj la ĈASLEOPARDO, pritraktotaj ĉi-sube, ne devas esti nomataj nubpantero, neĝpantero aŭ ĉaspantero Vi certe aldonos: "evidente!"



LEOPARDO aŭ PANTERO

2. JAGUARO (*Panthera onca*) ekzistas plurloke, en la vasta amerika regiono inter Meksiko kaj Patagonio. Kiel en la leopardo, ĝia plej ofta koloro estas flava kun nigraj makuloj. Sed iliaj desegnaĵoj estas malsamaj. La leopardo havas ĉiam ringojn aŭ punktojn. Kaj la jaguaro havas plejofte ringojn (aŭ, pli bone, poligonojn) kun punkto aŭ punktoj interne (vidu bildon). La jaguaro estas la plej granda kato en Ameriko.



JAGUARO

3. UNCIO aŭ NEĜLEOPARDO (*Panthera uncia*) estas belega granda kato el la altaj montaroj de Centra Azio (Mongolio, Ĉinio, Afganio, Kaŝmiro, Nepalo ktp). Ĝi estas detale priskribita en la ĵus-aperinta libro "Ĉinaj Protektataj Bestoj" (akirebla en la Libroservo de BEL). Antaŭ nelonge, geografia programo de la brazila kablotelevido bone priskribis ĝian vivon. Aŭdante angle kaj legante la portugalan tradukon, mi povis rimarki, ke oni nomis tiun grandan katon SNOW LEOPARD/LEOPARDO DAS NEVES. Alia traduko uzata en la portugala estas "onça". Sed la bonaj portugallingvaj vortaroj donas al "onça" du tute malsamajn signifojn: a) granda felisedo el la montaroj de Azio (*Felis uncia*); kaj b) brazila felisedo (*Felis onca*). Ĉar en la GRANDE DICIONÁRIO ESPERANTO-PORTUGUÊS, de Ismael Gomes Braga, mankas tiu vorto, mia Suplemento aperigis ĝin jene:



UNCIO aŭ NEĜLEOPARDO

UNCIO (= NEĜLEOPARDO) (zoo.) onça asiática (*Felis uncia*).

La artikolo UNCIO en la DICIONÁRIO COMPLETO ESPERANTO-PORTUGUÊS de FEB montras, kiel riska estas klarigo de vorto, kiam oni ne scias, kiun realaĵon ĝi fingro-montras. Tie estas:

UNCIO onça [zoo. grande felino (*Feliz uncia*) também chamado jaguar e onça pintada].

Estas tie du eraroj. La unua estas evidenta preseraro. *Panthera uncia* kaj *Felis uncia* estas ambaŭ akcepteblaj sciencaj nomoj, ĉar ĉiuj katoj el la genro *Panthera* estas felisedoj. Tamen, nomi ĝin "feliz" estas evidente "malfeliĉa" preseraro. La dua eraro estas tamen multe pli grava, ĉar la senpripensa "kompletigo" de la vortaro ĵetis la kompatindan brazilan jaguaron en siajn ĉiniajn antipodojn.



GEPARDO
aŭ ĈASLEOPARDO

4. GEPARDO aŭ ĈASLEOPARDO (*Acynonix jubatus*) estas svelta kaj longakrura felisedo trovebla preskaŭ ĉie inter Sud-Afriko kaj suda Azio. Ĝi estas certe la plej rapida kvarpiedulo en la mondo. Oni mencias, ke ĝia rapido atingas 100 kilometrojn hore. Delonge gepardoj estas dresitaj por helpi homojn en ĉasado, precipe en Hindio. Pro tio kaj pro la koloro de ĝia felo oni nomas ĝin ĉasleopardo. Kiel la neĝleopardo, ankaŭ ĉi tiu granda felisedo jam aperis en geografia programo de la brazila kablotelevido, kaj eĉ multe pli ofte. Tie, la nomoj uzataj angle kaj portugale estas CHEETAH/GUEPARDO. Bedaŭrinde la

artikolo pri ĝi en la GRANDA VORTARO de IGB estas malbona. Ĝi diras:

> GEPARDO, lobo-tigre, hiena malhada (quadrúpede pouco maior do que a pantera, e que se encontra na Ásia e na África).

La DICIONÁRIO COMPLETO de FEB kopiis *ipsis litteris* la artikolon de IGB. Kaj ĝia portugala-esperanta frato faris la samajn erarojn:"LOBO-TIGRE (hiena malhada, quadrúpede pouco maior do que a pantera, e que se encontra na Ásia e na África) gepardo." "HIENA MALHADA gepardo (V. LOBO-TIGRE)." En la ANTAŬPAROLO de mia Suplemento, mi informis, ke ĝiaj 1200 artikoloj estas preskaŭ entute aldonoj. La malmultaj korektoj tie estas korektoj de pres-eraroj. *Mea culpa!* Sed, kiel mi diris antaŭe, mi nun diskrios, atakante la "kontaĝajn" erarojn, kiuj iras de vortaro al vortaro, kaj de tie al lernolibroj kaj al uzado. Ju pli granda la vortaro, des pli multe da eraroj ĝi povas havi. Nur pro tio, mi certe montros pli da eraroj en la DICIONÁRIO COMPLETO de FEB ol en la aliaj Esperantaj-portugalaj vortaroj. En la malgranda DICIONÁRIO de FEB, ekzemple, legiĝas (cetere tute ĝuste) nur jeno: "GEPARDO, lobo-tigre."

Mankoj en niaj malgrandaj Esperantaj vortaroj estas pardonindaj, sed ne en la grandaj portugallingvaj NOVO DICIONÁRIO FOLHA /AURÉLIO (kie mankas GEPARDO) kaj ENCICLOPÉDIA BARSA(kie mankas GEPARDO kaj UNCIO). Tamen en la portugala lingvo estas vortaroj kun pli ĝustaj informoj, kiel la PEQUENO DICIONÁRIO DA LÍNGUA PORTUGUESA de Cândido de Figueiredo (CF),la NOVA ENCICLOPÉDIA DELTA-LAROUSSE (DL) kaj la angla-portugala vortaro NOVO MICHAELIS ILUSTRADO (NM). Ili diras:

> LOBO-TIGRE, m. Quadrúpede felino da Ásia e da África, um pouco menor que a pantera (CF). GUEPARDO, mamífero da família dos felídeos da Ásia e da África, que pode ser domesticado; lobo-tigre; sua velocidade chega a atingir 100 Km, e seu comprimento 75 cm (DL). CHEETAH s. (zool.) chita f.: leopardo de caça da Índia (NM).

La esprimo HIENA MALHADA eble rezultas de simpla konfuzo de IGB. Mi ne trovis ĝin en iu ajn portugallingva vortaro. Sed en la BRITA ENCIKLOPEDIO mi trovis informojn pri HYENA, kiujn mi tradukas jene: "La striita hieno (STRIPED HYENA, *Hyaena striata*) troviĝas en sudokcidenta, norda k okcidenta Afriko; la bruna hieno (BROWN HYENA, *Hyaena brunnea*) ekzistas en suda Afriko; kaj la makulita hieno (SPOTTED HYENA, *Crocuta crocuta*) troviĝas en suda Afriko kaj ankaŭ en landoj pli norde ol Etiopio)." Evidente HIENA MALHADA estas unu el la du hienoj en nia bildo.


MAKULITA HIENO


STRIITA HIENO

Forigante "hiena malhada", kiu fingro-montras alian beston (kaj do estas evidenta tradukeraro), kaj "chita", kiu estas simpla anglismo, restas tri akceptindaj tradukoj por GEPARDO portugalen: "lobo-tigre", ŝajne arkaikiĝinta, "guepardo" kaj "leopardo de caça". Tiuj du lastaj respondas ne nur al la Esperantaj formoj sed ankaŭ al tiuj de pluraj aliaj lingvoj, kiel la franca, la germana kaj la rusa.

Eblas aldoni tri ŝercetojn pri la vortaraj priskriboj de gepardo. IGB diras, ke ĝi estas "iom pli granda ol pantero", kaj CF diras ke ĝi estas "iom malpli granda". Rigardu la du bildojn: gepardo ŝajnas pli alta, kaj pantero ŝajnas pli volumena kaj pli peza. Donu vian verdikton (sed unue diru, kio estas pli granda, ĉu elefanto aŭ ĝirafo). La dua ŝerco rilatas al la diro de CF, ke gepardo estas "quadrúpede felino". Oni rajtas demandi, ĉu ekzistas tripiedaj aŭ dupiedaj felisedoj. La tria ŝerco, bedaŭrinde, povas fariĝi realo: la naivaj konsultantoj de niaj grandaj vortaroj ESP-PORT, kie mankas indiko, ke gepardo estas felisedo, povas supozi, ke tiu stranga "kvarpiedulo" estas ia hibrido de lupo kaj hieno.

* * *

Ni nun revenu al la artikolo de Georges Mounin. La du floroj, la kvar grandaj katoj kaj la du hienoj en niaj bildoj estas nur ekzemploj de tradukproblemoj nesolveblaj por nekonantoj de la realaĵoj, kiujn la vortoj simple fingro-montras. Kaj, se tradukantoj havas problemojn, vortaristoj havas almenaŭ centoble pli da ili. Tial enciklopedioj kaj grandaj vortaroj fariĝas per skiplaboro, kaj la impona listo de la pli ol 10.000 kunaŭtoroj de la BRITA ENCIKLOPEDIO plene pruvas tion.

Mia scivolo pri geografio, lingvoj kaj ekologio permesis,ke mi montru erarojn,kaj en Esperantaj kaj en portugallingvaj vortaroj. Mi certe ne kapablus fari samon pri ĉiuj temoj, kiujn grandaj vortaroj devas enhavi. Tial, mi ĝis nun entreprenis nur la verkon de suplementoj, de malgrandaj vortaroj kaj de kritikoj, kiel ĉi tiu. Sed mi tre ĝojos, se BEL akceptos mian partoprenon en skipo por iama pligrandigo, plibonigo kaj ĝisdatigo de la bonega DICIONÁRIO PORTUGUÊS-ESPERANTO de Couto Fernandes, Carlos Domingues kaj Porto Carreiro Neto, eldonita en 1936 kaj bedaŭrinde delonge elĉerpita.

SYLLA CHAVES, 29.08.97

# Eksesperantisteco en la Esperanto-komunumo

## Signifo de la termino "eksesperantisteco"

Por la celo de sociologiaj esploroj de la trajtoj de esperantistoj mi proponas uzon de la termino "eksesperantisteco", kiam oni pritraktas la konduton de homoj, kiuj forlasas la Esperanto-komunumon. Ne estas ĝuste paroli pri "eksesperantisteco", ĉar, diference de "esperantismo", la ago de eksiĝo ne havas ideologian aŭ doktrinan bazon. Homoj transiras al la nova statuso pro tre diversaj motivoj, sintenoj kaj kaŭzoj, plejparte de persona naturo. Pro tio, ili ne povas formi koheran organizaĵon sed rolas kiel izoluloj, pli izolitaj ol la izoluloj ene de la Esperanto-komunumo. Sekve, nur la termino "eksesperantisteco" konvenas.

## Movad-sociologia neglekto de eksesperantisteco

Ekde la jaro 1989 mi publikigis artikolojn en pluraj periodaĵoj pri la temo de eksesperantisteco sed mi neniam trovis detalan statistikan kaj sociologian analizon de fenomeno, kiu povas doni respondojn al gravaj demandoj pri la kialoj. En tiu ĉi artikolo mi deziras reliefigi tiujn aspektojn de la temo, kiuj valoras esti sociologie esploritaj.

## Daŭro de aparteneco al la Esperanto-komunumo

Manke de superrigado de la nuntempa Esperanto-komunumo per objektiva statistika kaj sociologia metodologio, estas malfacile ĝeneraligi surbaze de kelkaj magraj donitaĵoj aperintaj dise en publikigaĵoj. Menciinda estas artikolo de Oszkár Princz kun interpretado de la rezultoj de enketo ĉe membroj de la hungara landa asocio (Budapeŝta Informilo, 11-12/1989, pĝ. 1-4). Unu el la surprizaj konkludoj estas, ke esperantistoj estas anoj de asocioj nur averaĝe 6-8 jarojn. Poste, ili tute ĉesas okupiĝi pri Esperanto aŭ aliĝas al tiu nebulece difinebla grupo nomata neorganizita movado. Estas necese scii, ĉu tiu situacio estas karakteriza nur de la agado de hungaraj esperantistoj aŭ ĉu oni povas trovi la saman fenomenon en aliaj landoj, kaj sekve, konkludi, ke la periodo de aktiva partopreno en la vivo de la komunumo estas relative mallonga? Esceptoj estas tiuj homoj, kiuj dediĉas sin al la Esperanta vivo dum pluraj jardekoj. Ĉu, do, dua konkludo estas, ke eksesperantisteco estas normala finrezulto de kelkjara kontakto kun la Esperanto-movado? Tio ne ŝajnas realeca interpreto de la agado, do oni devas modifi la karakterizon de eksesperantisteco.

## Pli signifplena karakterizo de eksesperantisteco

Kiam oni ordinare parolas pri eksesperantisteco, oni pensas pri homo, kiu post sufiĉe longa restado en Esperantujo, pro diversaj kialoj perdas intereson, fidon kaj lojalecon rilate la lingvon kaj la movadon, kaj ĉesigas sian agadon. Estas emfazinde, ke signifa kriterio estas kapablo uzi Esperanton je kontentiga parola kaj skriba niveloj. Homoj, kiuj komencas lerni la lingvon sed post relative mallonga tempo seniluziiĝas pro la troigo kaj blufado de propagandistoj pri ĝia facileco, ne apartenas al la sama kategorio de eksesperantisteco, kiuj primajstris la lingvon, aktivis en pluraj aferoj dum jardekoj kaj poste subite, ofte silente, forlasis la komunumon. Tiuj ĉi estas la plej facile identigeblaj kaj portas la nomon kabeintoj. Pro tio, por analizaj celoj oni devas starigi realecan periodon de tempo, kiam persono estas aktiva esperantisto, antaŭ ol li perdas intereson.

## Malkovro de faktoroj kondukantaj al eksesperantisteco

Kvankam estas facile ekscii la tempopunkton de ek-esperantistiĝo, t.e. kiam homo fariĝas esperantisto jen per adekvata lernado de la lingvo jen per membriĝo en organizaĵo kun akiro de sento de solidareco kun aliaj partoprenantoj en la vivo de la komunumo, ne estas same facile determini la kontraŭan procedon de eksesperantistiĝo, krom se tio okazas en malkaŝita maniero per anonco al membroj de la Esperanto-komunumo. Tamen kelkfoje oni aŭdas pri kazoj de deviga ostracismo pro politikaj, moralaj aŭ kriminalaj motivoj, sed eĉ se esperantisto estas perforte forpuŝita en staton de ekzilo, li povas malgraŭ ĉio konservi iun senton de solidareco kun parto de la komunumo. Efektive, la komunumo ne povas definitive liberigi sin de li, krom se estas aplikita tre severa punprocedo, ekzemple kiel denunco en la tuta Esperantujo kaj ankaŭ en eksteresperantistaj medioj. La plej drasta traktado de malkonformulo estas per aŭtodafeo aŭ alia formo de ekzekuto.

Grava aspekto de la sociologia esploro estas trovo de la specifaj faktoroj kondukantaj al rifuzo de la statuso de esperantisto. Kutime temas pri nematerialaj kaŭzoj estiĝantaj ene de la homo mem. Tiu procedo ne disvolviĝas de unu tago al la sekva sed estas socia kaj psika modifo de animstato rezulte de longdaŭra akumuliĝo de diversaj sintenoj. Inter la videblaj signoj estas rompo de rilatoj kun la samideanoj en organizaĵoj, ĉesigo de korespondado kaj rifuzo uzi la lingvon. Tamen, neokupiĝo pri komunumaj aferoj ne estas sufiĉe bona kriterio, ĉar ankaŭ izolitaj esperantistoj ofte ne havas eblon aktivi en movadaj agadoj aŭ havi personajn kontaktojn kun aliaj esperantistoj.

Eĉ se eksesperantisto ne plu uzas la lingvon, li tamen ankoraŭ scias ĝin, kaj estiĝas demando pri la tempodaŭro de tiu scio. Ĉu la lingvo povas esti definitive forgesita, konscie forpuŝita el la memoro por ĉiam? Psikolingvistikaj esploroj evidentigas, ke lingvo jam lernita je aprobinda nivelo denaske, aŭtodidakte aŭ en lerneja ĉirkaŭmedio, ne estas totale perdita dum periodo de nepraktikado. Se prezentiĝas favoraj stimuloj, estas eble diversgrade elvoki parton de la lingvoscio jen por pasiva kompreno jen por aktiva esprimado. Tiucele ofte kontribuas drinkado de alkoholaĵoj aŭ forta emocia ŝoko por malŝlosi la parton de la cerbo, kie ankoraŭ kaŝiĝas fragmentoj de lingvoscio.

Se homo ne faras publikan deklaron pri sia eksesperantiĝo, li simple malaperas el inter la aktivuloj,

kaj aliaj esperantistoj ne povas scii, ĉu li vere intencas ĉiujn pluajn kontaktojn. Ekzistas la stranga fenomeno de "verdaj fantomoj", homoj, kiuj post longa malĉeesto inter komunumanoj, eble dum pluraj jardekoj, abrupte montras la vizaĝon en klubkunveno aŭ reaperas publike kiel esperantisto rezulte de gazeta intervjuo. Sekve, en la sociologia analizado oni devas trakti la specialan kazon de "provizoraj"eksesperantistoj kaj okupiĝi pri la motivoj de ilia konduto.

**Proponita enketo**

Antaŭ kelkaj jaroj mi proponis kiel valoran projekton por movad-historiistoj esploron pri la fenomeno de eksesperantisteco por ekscii, ĝis kiu grado influas kvalito de alproprigo de la lingvo, intenseco de engaĝiĝo en movadaj agadoj kaj ankaŭ personaj interrilatoj kun aliaj esperantistoj. Ne estos malfacile trovi homojn por partopreni en tiuspeca enketo. Mi asertas sen timo de refutado, ke nuntempe en la mondo la nombro de eksesperantistoj estas multoble pli granda ol tiu de esperantistoj. Kiu aŭdacas nei tion, unue prezentu fidindajn statistikajn donitaĵojn pri la nombro de esperantistoj en la mondo.

**Atendeblaj rezultoj**

La rezultoj de la enketo devas informi pri la motivoj por forlaso de la movado kaj perdo de interesiĝo pri la lingvo. Tiel estos eble ekscii, kial la Esperanto-movado daŭre stagnas, kaj karakterizas ĝin malstabileco, malprogreso, eĉ regreso. Kial Esperanto-organizaĵoj ne sukcesas altiri amasojn da homoj, kaj ili ne povas longe reteni multajn el la jam aliĝintoj? Cetere, la respondoj povas ĵeti lumon sur ankoraŭ unu ofte pridiskutatan punkton: kiuj aspektoj de Esperanto efikas por forpuŝi homojn? Ĉu kulpas Esperanto mem, ĉar eĉ plurjaraj uzantoj de la lingvo konstatas, ke pro gramatikaj komplikaĵoj, ne estas eble akiri "plenan posedon", malgraŭ la blufa aserto en la Manifesto de Prago? Aŭ ĉu la vero estas, ke eksesperantistoj trovis la esperantistojn mem malŝatindaj homoj?

Bernard Golden



S. Maul (Fondinto de "Monato") kaj G. Ledon (el "Braz. Esper.") drinkas bieron ne "por malŝlosi siajn cerbojn, sed eble por eviti "eks-esperantistiĝon"!
Observu la 4-stelan aŭreolon super la Kapo de Maul!

# AMERIKANECO

Legante la artikolon "Amerikanoj", de samideano Jozefo J. Lunazzi, revenis al mia menso la graveco de la signifoj kaj misuzado fare de ni koncerne la vortojn.

Sendube Esperanto "reduktas la eblecon, ke unu vorto havu pli ol unu signifon". Tiel ne okazas en la naciaj lingvoj, kiuj estas ŝanĝataj laŭ spirito kaj dubindaj opinioj de influitaj vortaristoj, ĵurnalistoj kaj/aŭ publiciistoj. En la portugala, ekzemple, oni provas manĝi literon "P" de la vorto "ÓPTICA" (OPTIK). Estas kompreninda, ke lernantoj konfuziĝu kaj ĝin manĝu, sed vortaristoj!... En la portugala "ÓTICA" esprimas adjektivon rilate al Otito en la orelo.

AMERIKANOJ

Koncerne al la vorto "AMERICANO", ni devas konsideri, ke ĉiam ĝi signifis personojn loĝantajn en la amerika kontinento. Nur post kiam Usono atingis elstaran rangon, oni ektaksis ĝin "América", ĉar la venantoj el aliaj kontinentoj iradis tien dirante: "Ni iru al Ameriko cele havi fortunon kaj konstrui riĉecon!". Por ili la prefera parto de la kontinento estas Usono, "Ameriko!"; La aliaj estis la cetero. Kaj ankaŭ ĉar la Usonanoj sin nomas "American", kaj pro la kreskanta influo de usonaj ĵurnalismaj agentejoj kaj produktaĵoj, kaj pro malklereco, i.a., la tuta Ameriko alkutimiĝis pensi tiel.

Tamen, oni devas konsideri, ke la vorto "AMÉRICA" estis revata de eminentaj idealistoj, i.a. Jose Marti, Simon Bolivar, Tiradentes... Kaj la vorto "IRACEMA" estas anagramo kreita de la brazila beletristo José Alencar por nomi indiĝeninon simboliganta la Novan Kontinenton.

Laŭ mia penso, "AMERICANO' estas ĉiu persono, kiu naskiĝis aŭ nacianiĝis en ie ajn parto de la amerika kontinento. Aliflanke, la kunmetita vorto "norte-americano"(nordamerikano) ne bone esprimas la veron, ĉar ankaŭ la kanadanoj kaj la meksikianoj estas nordamerikanoj.

"ESTADUNIDENSE"

Por mi estas justa vorto (en la portugala kaj en la hispana), kiu esprimas adjektivan ideon rilate al Usono. Tiu vorto estas "ESTADUNIDENSE" (prononcu tiel, kiel en Esperanto) devenanta el "Estados Unidos da América do Norte" (Unuiĝintaj Ŝtatoj de Norda Ameriko). Povas esti aliaj landoj "estados unidos" de ie, sed ili jam havas antaŭviditajn nomojn.

En mia laboro kiel redaktoro en la portugala mi neniam uzas alian formon, ĉar mi kredas, ke estas devo de tiuj, kiuj scias, ne semi eraron; tiel agis Zamenhof kreante Esperanton.

Henrique Alan Kardec Mendonça

# VERDA KAFO

Pli ol 20-jara, la gaŭĉa neformala kunsido montriĝas valora iniciato en Esperantujo, nepre entreprenenda en ĉiu urbo, ĉiumonate aŭ pli ofte. Nia Verda Kafo normale arigas 8 ĝis 15 gekompanojn, dum la tuta jaro, ĉu vintre ĉu en someraj ferioperiodoj, en lunĉejo, por gaja babilado. Kiu ne turistas, tiu kafumas. Laŭ neskribita regularo ĉiu pagas siajn mendojn kaj samrajtas prikomenti aferojn eĉ per voĉlego de tutpaĝa teksto pri temo memelektita, se li/ŝi ankoraŭ ne kuraĝas aŭ scias flue paroli la lingvon. Ofte oni dislotas librojn aŭ revuojn.




Eble pelata de mia sperto en KKE - kie kutime deĵoradis simpatia kaj linda fraŭlino Juraci kiu, kvazaŭ amindume, brakoenbrake kaj sen timi sian ĵaluzan amaton, promenigis kaj senkompate paroligis komencantojn - mi insistas kaj persistas alte teni nian ĉarman babilkunsidon. Nia Verda Kafo lastatempe okazas en la lunĉejo Tutty's, en GALERIA KOMERCIAL TIRADENTES, ĉiumonatan sabaton, de 16,00h ĝis 17,30h. Ĉiu estas bonvena. Rimarkeblas, ke lante ĝi igas la partoprenantojn sopiri pri la geamikoj ne viditaj dum kelkaj semajnoj, sopiri ĉefe pri la spritaĵoj lerte prezentataj de nia kara Reinaldo Zaghetto kaj aliaj. Sabaton, 310597, ni ĝuis inter pluraj la jenan kiu certe plaĉas al ĉiuj esperantujanoj:

En Norda ltalio, ĉe fama montaro staras eta, modesta hotelo, por ne diri aĉa gastejo. Sur la enirejo, ŝildo legigas, en la itala lingvo, la okulfrapan anoncon ĈI TIE ONI PAROLAS ĈIUJN LINGVOJN. - lam alveturis mondfama poligloto, legis la kuraĝan anoncon, eniris kaj estis akceptita de olda vireto malantaŭ dikaj okulvitroj. La ĵus alveninta homo decidis tuj testi, ĉu veras la anonco legita antaŭ ol eniri kaj alparolis la hoteliston en la greka. - La vireto evidentigis nekomprenon.

- La poligloto provis per la ĉina, franca, germana, turka, angla sed en la akceptejo neniu signis komprenokapablon. Iom agacite kaj provoke la gasto alparolis la hoteliston en la itala. - Sed, kara sinjoro, bonvolu diri al mi, kial via hotelo pedante anoncas, ke ĉi tie oni parolas ĉiujn lingvojn? - La oldulo aplombe kaj pravige respondis. - El ĉiuj mondopartoj alvenas gastoj, parolas ĉiujn lingvojn sed mi ne komprenas unu vorton! - Hi...hi...hi... (Tiel oni ridas telegrafie).

Tiaj gajhumoraĵoj vekas diligentan komprenvolon de la komencantoj kaj tiel ili rimarkinde rapide progresas. Honoras nian rondon per siaj konstantaj ĉeestoj fraŭlinoj Miriam kaj Elizabeth, inter aliaj. Ambaŭ elstariĝas ĉar ĉ. du jaroj antaŭe ili timis, ke oni ilin paroligus pli ol JES aŭ NE. Hodiaŭ ili vigle partoprenas en la konversaciado kaj plene ĝuas la verdan etoson. Laŭ mi, per tia stimulo al komencantoj oni estigas en ili amon al Esperanto. Tial, ĉiu kiu flue parolas ŝuldas tian paroligan rondon al sia regiono, por rapidigi la prosperon de nia afero. Plej taŭgas tiucele ejo iom trankvila, altnivela, prefere frekventata de multaj homoj. Oni konstatas ke apude sidantaj gastoj emas diveni, kiun lingvon oni parolas. Aŭdeblas JES (ĉu piĝino?), aŭdeblas latinidaj vortoj (ĉu itala?). Subite iu ne plu sukcesas sufoki sian scivolon kaj alparolas la plej paroleman kompanon, por demandi pri kiu lingvo temas. Jen ŝanco vendi nian verdan varon, same kiel en radioamatoraj rondoj. Ni estu kvazaŭ sakaromicetoj de fekunda gisto, ĉiu laŭ sia plejebla kapablo.

O. Vaske - PY3ACE

*NDLR - Jes, imitinda praktikado, ne tute nova ĉar en la 30-aj - 50-aj jaroj jam ekzistis en Parizo "La Verda Kato" poste "La Tri Koboldoj", kabaretoj de nia humoristo karmemora Raymond Schwartz... kaj ties ĝoja podio.*

# Facile lernebla

Mi ĵus estis reveninta el katolika Esperanto-tendaro en la ĉeka vilaĝo Sebranice, kiam mi ektrovis en ĉi-tiu gazeto la legintulan leteron: "Facile lernebla"de Alfons Fendt (DT 21/6/94) Tie Fendt prezentas teoriajn argumentojn pri la facila ellernebleco de Esperanto, kiun mi ŝatus kompletigi per praktikaj spertoj.

Dum la tendaro en la proksime de Litomysl situanta vilaĝo Sebranice kunvenis, de 23 de junio ĝis la 5ª de aŭgusto, ĉirkaŭ 80 precipe junaj katolikoj el Ĉekoslovakio, Polujo, Hungarujo, Rumanio kaj Germanio. Kelkaj el ili eklernis Esperanton nur ekde kvar aŭ kvin monatoj en transsendita kurso. Tamen ili jam kapablis konversacii kun mi pli bone en tiu lingvo ol en la germana, angla aŭ franca, kiujn ili jam kvin jarojn aŭ pli longe studadis en siaj lernejoj. La germanaj aŭ anglaj scioj de plej multaj junuloj el niaj oriente najbaraj landoj apenaŭ sufiĉas nur por plej simpla komunikado. En Esperanto, kontraŭe, mi facile sukcesis interparoli kun multaj el ili, eĉ pri pli profundaj religiaj temoj. Karel Otcenasek, la episkopo de Hradek Králové, celebris meson en Esperanto en la tendaro. Li diris, ke estas la intenco de Dio, ke la homoj interproksimiĝu. Ĝuste tio ja estas la celo de la Esperanto - parolantoj, kaj pro tio la ĝenerala enkonduko de Esperanto ne estas utopio.

Ulrich Matthias

*Eltranĉaĵo el la germana taggazeto "Deutsche Tagespost" de 17/8/94*

*Sendis Frato Bertino Goerner*

## REAGO AL AGO-REAGO

# "Merden Amarílio"

Estas tio kion mi respondas al ci, mia kara amiko, same kiel tion faris nia ankaŭ kara Gloria Perine. Kara Amarílio, mi diras kara, ĉar ni nin konas de tiom da jaroj en tiom diversaj cirkonstancoj por la sama batalo, ke mi ne povas trakti cin alimaniere. Kaj jen, mi eĉ uzas la pronomon ci, tiu belega pronomo, kiun la esperantistoj forgesas pro la kutima mondaneco de la hipokrituloj. Okazas ke mi reagas al ci, al la individuo Amarílio, kaj tiu pronomo ne ellasas dubojn, almenaŭ ne rilate al hipokriteco, do sincereco.

Ci sendis al "Brazila Esperantisto", al "Esperanto-Asocio de San-Paŭlo" same kiel sendube al pluraj centoj da esperantistoj kopion de tiu nekredeble abomeninda letero direktita al Symilde Schenk Ledon, nia BEL-Prezidanto. Kiel prezidanto de EASP kaj kunredaktanto de "Brazila Esperantisto" mi estas devigata iel publike respondi al ci, tute sen intenco de polemiko.

Mia kara, estas tute evidente, ke kiam ci skribis kaj sendis tiun aferon je "eksplodo de cia mio", ci tute ne estis en bona farto, bona sanstato. Kiu ajn psikiatro facile malkovrus, ke ciaj neŭronoj lastatempe suferis interrompon, malkonekton kaj tuj receptus al ci medikamenton kiel "Tofranil", kio rapide, ree konektus ciajn cerb-elementojn, kaj malebligus la faron de tia groteskaĵo. Do, se ci ankoraŭ ne faris tion, tuj konsultu kompetentan kuraciston. Tio estas mia konsilo.

Se ci estas en plena posedo de ciaj menskapabloj la afero fariĝas katastrofa, ĉar ci malrespektis homon, esperantiston kaj pli grave ci ne nur malrespektis la postenon de BEL-prezidanto, sed misfamigis, kalumniis same la personon kaj la postenon. Tiel ci, laŭ iu minimuma justico, povus eniri kondamnan proceson. Ĉu ci pensis pri tio?

Kompreneble ci plene "rajtas" malŝati, malami la homon Symilde. Ŝi, laŭ ci kaj aliaj povas esti "monologema", aŭtokrata, ktp., sed ŝi estis "demokrate" elektita per 80 voĉoj kontraŭ 30, kaj laŭ ŝia ĝenerala, ampleksega laboro neniel ŝi damaĝis al BEL.

Sendube la kongreso, en Curitiba, ne estis perfekta, multaj mankoj estis notitaj sed ci sciu, ke la BEL-prezidanto laŭ la reguloj kiujn ci povas konsulti tute ne havas respondecon pri la organizado kaj programado.

Plie ci ne forgesu, ke tiu 33-a "malbona" BKE okazis en Curitiba ne pro la "monologo" sed pro la efika "dialogo" de Symilde kun ŝiaj amikoj Geraldo kaj Gloria kiuj kunlaboreme akceptis la defion post stranga, lasthora rezigno el Recife. Cia malafabla interveno dum la ĝenerala asembleo de BEL kiun mi ĉeestis, interveno kiu nur celis kontentigi cian manion elstarigi "eksterlandanojn" tute ne estis en tiu momento oportuna. Cetere ĉu en cia floroplena "interna ideo" kiun ci elstarigas ne estas la koncepto, ke ĉiuj esperantistoj estas mondcivitanoj?

Intertempe, mia kara Amarílio, ĉu ci scias, ke Symilde, vole nevole devis pluki la Fyne-premion en Adelajdo por nia landa asocio BEL? Tio okazis ĉar ni estas la lando, kiu en tiuj du lastaj jaroj "pli progresis laŭ membraro", kiu "regule aperigas belan revuon", kiu "havas modelan libro-servon", kiu "okazigas regule landajn kongresojn kun multnombraj partoprenantoj", kiu "eldonis rekomendindan propagandan flugfolion", kiu "ekzemplige eldonis landan jarlibron"... Tiujn motivojn mi aŭdis propraorele dum la transdono de la trofeo. Do, mia kara, ĉu ci ne pensas ke la "monologo" de la prezidanto kiun ci malamas ne estas tiom negativa?

Ne forgesu, ci, kiu ŝatas citi proverbojn: "Propran ĝibon neniu vidas". Konklude, kvankam mi ne estas ŝovinisto, mi opinias, ke la tre uzata franca vorto "merdo" estas la plej taŭga, amikeca respondo al ci: Merden, Amarílio.

Gilbert R. Ledon
Kunredaktoro de "Brazila Esperantisto"



## HUMURO

Dronantan en rivero belulinon eltiris el la akvo kaj savis hazarde preterpasanta viro.

- Vi savis mian vivon! Mi plenumos tri viajn dezirojn! - diris la belulino, kiam ŝi rekonsciiĝis.

- Verdire mi havas nur unu deziron, fraŭlino, sed aliflanke tri fojojn!




# BEJO kongresis je la 18-a fojo

Okazis en la urbo Curitiba (12-17 julio), kadre de la 33-a Brazila Kongreso de Esperanto, la 18-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso (BEJK).

Ĝia programo, kompare kun tiuj de la du lastaj, estis iom pli riĉa kaj interesa: ĝi variis de kurso pri mezepokaj kaj orientaj dancoj, ludado de la svisdevena "Tchouk"-pilko ĝis la pli serioz-etosa ĝenerala Asembleo, en kiu oni ekkonis la direktojn, kiujn nia junulara organizaĵo sekvos en la venontaj monatoj.

Menciindas, ke ĝuste okaze de la kongreso BEJO tridekjariĝis. Kaj por festi sian naskiĝdatrevenon, ĝi eldonis memorbroŝuron kun intervjuoj kaj reproduktaĵoj de malnovaj numeroj de siaj organoj "Impulso" kaj "Momenton". Tiu broŝuro estis disdonita al kongresanoj, ĉu junaj, ĉu oldaj.

Malkiel kutime, nia tridekjaruleto havis sian propran standon, ĉe kiu eblis pli bone informiĝi pri ĝi, aliĝi al ĝi kaj aĉeti (aŭ tute ne!) ĝiajn T-ĉemizojn. Ankaŭ "Pasporta Servo" de TEJO havis sian lokon: ĝia Landa Organizanto en Brazilo, Carlos Eduardo de Oliveira, mem BEJO-estrarano, vaste informadis pri ĝi kaj zorgis pri varbado de pliaj gastigantoj, en pliaj urboj.

Tamen nia kongreso ne prezentis nur pozitivajn aspektojn. Du programeroj ne efektiviĝis pro kongresa malĉeesto de la koncernaj respondeculoj; krome, estis iom malfacile kapti la atenton de la gejunularo, ĉar ŝajnis al ili pli interese turismumi ol partopreni niajn programerojn. Bedaŭrinde okazis dumkongresaj ekskursoj (ili estis ĉiutagaj, samtempe kun aliaj programeroj: jen grava mispaŝo de BK-LKK!).

Ekskursoj koliziis inkluzive kun la Ĝenerala Asembleo de BEJO, kiun ĉeestis deko da homoj. Tamen en tiu grava kunveno harmonie diskutiĝis ĉiuj tagorderoj. Estis decidite i.a. ke ĉi-jare reaperos, post kelkjara paŭzo, nia oficiala organo "Momenton", kies redaktoro estos la verkinto de tiu ĉi raporto. "Momenton" publikiĝos kvarfoje jare (februare, maje, aŭguste, novembre), do alterne kun "Brazila Esperantisto", en kiu BEJO disponas kvar paĝojn. Alia grava tagordero temis pri nia deziro starigi reton de BEJO-reprezentantoj. Baldaŭ aperos regularo kaj pliaj detaloj pri ĝi, ĉu en paĝoj de "Brazila Esperantisto", ĉu en tiuj de "Momenton".

Rilate al la financa vivo de BEJO, ĝi statas relative bona, dankon! En la Asembleo prezentiĝis la bilanco de la unua jaro de ĉi tiu estraro: jen ni havis konsiderinde pozitivan saldon! La organizaĵo havas nuntempe 80 membrojn. Nemultajn, sed oni konstatas, ke ĝi tenas la membronombron pli-malpli stabila.

Pri la temo stabileco, kelkaj problemoj kaŭzitaj de la eksiĝo de nia prezidanto estas jam solvitaj. Nun, kiel anoncite en la Asembleo, la vic-prezidanto Cláudio M. Zaina transprenis la prezidadon.

Nia organizaĵo estas malferma al viaj kritikoj, konsiloj kaj... helpo.

Reinaldo M. Ferreira
BEJO-sekretario

Reinaldo M. Ferreira, redakcio de "Momenton"
Av. Waldemar Ferreira, 168/84 - Butantã
05505-000 - São Paulo, SP

Brazila Esperantista Junulara Organizo


BEJO-anoj lernas la svisan pilkoludon "Tchoukball" diru "ĉukbal". Instruas Julio Calegari el San-Paŭlo.

# Ripetindaj Sukcesoj kaj Malripetendaj Kongresaj Fiaskoj

Mi konfesas, ke mi revenis el niaj Kongresoj en Curitiba iom seniluzia kaj ĉagrenita. Dum monatoj ni en BEJO planis programerojn, ni invitis prelegantojn, ni varbis kongresanojn kaj membrojn, ni pretigis la tridekjariĝan broŝuron. Ni havis la esperon, ke la Kongreso estus mejloŝtono en la reviglîĝo de BEJO. La estraro, post tuta jaro da poŝta varbkampanjo, havus finfine la okazon rekte kontakti parton de la BEJO-anaro, rekte ricevi kritikojn kaj proponojn. La cirkuleroj kaj leteroj estus anstataŭitaj de viglaj babiladoj, dum kiuj oni povus trovi kaj inviti novajn engaĝiĝemajn gejunulojn, kiuj interesiĝus pri la eblecoj de juna aktivado, aŭ simple helpus nin igi la tuton pli alloga kaj agrabla.

Ni inkluzive faris aranĝon, por kiu oni delonge pledis: sporto en la kongresejo. Tio por la partoprenintoj estis samtempe ordinara kaj neordinara okazo. Ordinara, ĉar temis pri sporta kunvivado; neordinara, ĉar la plej multaj el ni ne estas alkutimiĝintaj uzi esperanton por tio. Por la partoprenintoj ĝi estis sukceso. Bedaŭrinde estis malmultaj homoj, kiel en preskaŭ ĉiuj aliaj programeroj.

De unu aŭ du jaroj mi sentas ian perdon da elano en niaj aranĝoj, ĉu lokaj, ĉu naciaj.

Necesas revizii kelkajn kristaliĝintajn trajtojn de niaj kongresoj. Kongres-temoj, ekzemple, en mia persona vidpunkto, tute ne allogas. Eble estas bele montri al la gazetaro, ke esperantistoj okupiĝas pri konkretaj temoj grandioze formulitaj. Sed ĉu ni, averaĝaj kongresanoj, atentas aŭ konkretigas ties rezoluciojn? Kiom da kongresanoj scias, kiu estis la ĉijara temo? Kiom da homoj ĉeestis la tiurilatan debaton? Niaj kongresoj ne estas similaj al la samnomaj aranĝoj, kiuj profesiuloj partoprenas. Bonŝance, ili pli aspektas kiel festivaloj, kaj tiel ili restas vivantaj. Kiu vojaĝus milojn da kilometroj, proprakoste, por partopreni unutonan E-arangon? Vivu la festivalecaj kongresoj!

En Curitiba mi tamen aparte sentis malplenon da homoj. Kompreneble kongreso disa tra kvar etaĝoj en alta konstruaĵo ne estas ideala, sed ja la LKK pri tio ne kulpis. Ĝi suferis malfruan planrenversiĝon, kaj oni devis improvizi per tio ebla.

Kvankam ni sciis, ke ni estis pli ol 300, ne eblis vidi nin. Mi estis en koridoro tute malplena, lunde je la 10:00, kaj la ĉambroj ne ŝajnis eksterordinare plenaj. Kie la kongresanoj? Ĉu en aŭtobuso? Ĉu inter orkideoj? Aŭ lernantaj la arton de vino aŭ vitro-farado? Ĉiukaze for, ĉar estis granda la oferto de ekskursoj, du, trifoje tage. Mi ne kulpigas la kongresanojn: la ekskursoj estis oficiala parto de la kongreso, meze de la aliaj programeroj! Do partopreni ilin ne signifis fuĝi el kongreseroj, sed simpla afero de elekto. Mi komprenas, ke kiam oni ne trovas ion interesan en la programo, oni private entreprenas iun promenadon. Sed la kongreso mem invitis plurfoje kaj ĉiutage, ke oni neglektu la ĉefan celon partopreni en ĝi. La LKK havis la eblecojn disponeblajn kaj pekis pro troigo.

Mi sincere preferis la "krokodilan" etoson de Ribeirão Preto, ĉar almenaŭ la homoj estis tie parolantaj PRI Esperanto (kvankam ne tiom EN Esperanto kiom mi ŝatus). Oni almenaŭ estis tie, eĉ se nur por aŭskulti kaj envii la aliajn kiuj parolis en esperanto... Tiu agrabla koridora kunvivado okazis, sed ne estis elstare rimarkebla ĉifoje.

Ne kredu, ke mi pretendas ke nur la aliaj eraris! Male, ni ricevis la pravan kritikon, ke nia BEJO-programo ne antaŭvidis *junajn komencantojn*, kaj ke kelkaj el ili sentis sin flankenlasitaj. Jen fakto kaj plej grava rekomendo al ni mem en BEJO!!!

La LKK por Salvador 98 jam originale starigis distribuitan reton de volontuloj (PKK), kiuj certe faciligos ilian laboron en urba nivelo. Ĉar mi akceptis estis unu el la volontuloj, mi nepre listigu kelkajn simplajn proponojn, laŭ mia, persona opinio. Eble ili ne trovus lokon en Kongresa Regularo, sed ja indus daŭre verki kaj aktualigi iun rekomendan manlibron kun spertoj de la antaŭaj LKK.

1) La ĉambro de BEJO ne povas esti for de la homfluo!

Bedaŭrinde denove la BEJO-ĉambro estis en fora, tute ne videbla loko, en lasta ĉambro de la plej lasta etaĝo. En Ribeirão ni estis en izolita ĉambro, de izolita pavilono. Ŝajne estas tendenco, laŭ kiu la LKK-j antaŭtimas tro bruajn BEJO-aranĝojn. Fakte ni emas brui, kaj mi eĉ ŝatus pli bruan Kongreson. Se tia estas la problemo, ni petas, ke estonte nia ĉambro troviĝu tute apud la Libroservo. Tie kutime estas vigla babilado kaj niajn najbarojn, la librojn, ni ne sukcesos ĝeni.

La fakto estas, ke en nia programo ĉiam estas programeroj, kiuj povas interesigi kiun ajn, ne nur junulojn (Pasporta Servo, ekzemple), kaj denove estas homoj, kiuj plendis ne vidi nin, malgraŭ nia budo.

2) Fulmaj Ekskursoj

Certe oni diros, ke la organizitaj promenadoj estas interesa maniero uzi la lingvon. Jes. La portugalan, mi aldonu. Ĉar nur en raraj okazoj oni trejnigas esperantiston kiel ekskurs-gvidanton. Bone, se la ideo de esperanto-aranĝo estas simpla turismumo, kial mi, stulta, laboregos por konvinki prelegantojn kiuj prelegos al tri-kvar interesatoj en varma salono? Prefere iru ni ĉiuj ekskursi! La prelegoj okazus ĉirkaŭ trinkeja tablo; la nombro da interesatoj estus same granda, nur la kondiĉoj pli agrablaj.

La etaj promenadoj estas interesa flanka afero, kiu ebligas al ni iom rigardi la kongresurbon. Sed ili tute ne povas serioze konkurenci kun la kongresa programo. En profesiaj kongresoj, ĝi unue celas la akompanantojn, ne la kongresanaron mem! Prefere ili okazu en ekskluziva

periodo, ekzemple, ĉiutage de la 12:00 ĝis la 14:00 aŭ de la 15:00 ĝis la 18:00, sen iu ajn alia samtempa aktiveco (krom laborkunsidoj).

3) Longaj Ekskursoj

Dufoje ĝenis min brazilaj kongresoj kiuj okazigis tuttagan ekskurson precize meze de la aranĝo. Curitiba lanĉis tre laŭdindan ideon: tuttaga ekskurso okazu prefere en la *lasta* tago, aŭ post la fermo. Multaj, kiuj apenaŭ havas kelkajn tagojn por vojaĝi al la kongreso, tiukaze partoprenas la tuton kaj estas liberaj por reiri pli frue. Al tiuj, kiuj povas ekskursi, eblas eĉ etendi ĝin al plurtaga promenado.

4) Aparataro

BEJO ne suferis pro tio, sed pli ol unu programero de BKE aŭ prokrastiĝis aŭ ne okazis kiel planite pro manko de aparato. Tio estas tikla afero, ĉar foje ĝi estas super la kontrolo de fa LKK, kiu planas, enketas, rezervas la aparataron, kaj lastahore ĝi mankas. Eble oni povus pensi pri iu komuna kongresa posedaĵo, konsistanta ĉefe el unu aŭ du projekciiloj, kiuj apartenus al la Konstanta Kongresa Sekretario, kaj kiujn oni vojaĝigus de unu kongreso al la alia.

5) Ni estu minimume videblaj de la komunumo!

Ĉar mi estis alkutimiĝinta vidi plurajn rubandojn ĉirkaŭ la kongresejoj, tra la kongresurboj, kaj kolorajn identigilojn sur la kongresbrustoj, mi ne supozis, ke oni povus iam forgesi tion! Ĉiuj estontaj LKK, memoru! Ni minimume altiru la atenton de la urbo. La civitanoj vidas dekojn kaj dekojn da gaje bruantaj homoj, infanoj el ĉiuj aĝoj, kiuj eniras kaj eliras el la kongresejo kaj ni perdas la okazon propagandi, ke temas pri Esperanto-evento! Cetere eksterlandaj partoprenintoj eĉ havis grandan malfacilon trovi la kongresejon, ĉar en la ĉirkaŭaĵo oni ne sciis pri la BKE.

En la LKK mi havas almenaŭ du grandajn amikojn, nome Glória Perine kaj Jorge Telles, kaj mi scias ke la tuta (malmultnombra) skipo alfrontis gigantajn malfacilaĵojn. Curitiba ankaŭ okazigis la plej belajn kaj profesinivelajn, tute esperantajn artajn vesperojn, kiujn mi spektis en miaj ĝis nun kvin Brazilaj Kongresoj. Pro tio mi ne nur kritikas la erarojn, sed mi deziras proponi ke oni uzu la okazintaĵojn favore al la movado. Oni povas (kaj bezonas!) lerni el niaj kongresaj kolektivaj eraroj kaj trafoj.

James Rezende Piton

## El Gaja Leganto: **Epidemio**

Mariŝto estis mordita de araneo. La kapitano perradie petis kuracistan konsilon. Oni ordonis, doni al la viro multe da viskio. Post du horoj la kapitano denove perradiis, ke la viro resaniĝis, sed ke epidemio ekestis inter la ŝipanoj: ĉiuj estis morditaj de araneoj.



Kristoĉjo, la naŭ-jara prezidanto de la 1-a Brazila Infan-Kongreso de Esperanto, paroladas. Flanke de li la akademiano Geraldo Mattos, la reprezentanto de la urbestro (kiu salutis en flua Esperanto), la prezidantino de Brazila Esperanto-Ligo, kaj la prezidanto de Brazila Esperantista Junulara Organizo.

Dum la 33-a Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Kuritibo de la 12-a ĝis la 17-a de Julio 1997, la fenomeno reripetiĝis: Por la Ĉemetoda Kurso enskribiĝis 33 homoj, sed en la postaj tagoj 39 partoprenis. La aĝoj variis inter 08 kaj 73 jaroj.

## GAJA LEGANTO PER ESPERANTO II

de P. E. Schwerin
67p., broŝurita.
ISBN 1 876042 10 9
Eldonita en majo 1997 de Bookleaf Publishing.

RRP: US$ 6
(Pogranda rabato por libroservoj, inkl. sendkoston: -33%)
Mendojn sendu al Donald Broadribb, 59B Lukin St, Beverley WA 6304, Aŭstralio, antaŭpago al konto aeal-w de la Libroservo de la Aŭstralia Esperanto-Asocio ĉe UEA (atentigante ke la pago estas por Bookleaf Publishing).

Libreto da amuzaj kaj cerbumigaj pensaĵoj, por lernantoj. Ĉi tiu verketo estis unue intencita kiel sekvaĵo al *Gaja Leganto per Esperanto* eldonita en 1945 de The Esperanto Publishing Company Ltd. en Anglio. La aŭtoro, P. E. Schwerin, mortis antaŭ ol la dua libreto estis eldonita, kaj la malneta manuskripto restis en liaj arkivoj dum multaj jaroj. Ralph Harry editoris la tekston por publikigo fare de Bookleaf Publishing.

Konsistigas la libreton aro da ŝercaj anekdotoj, vortludoj, ŝercaj preseraroj, anekdotoj, proverboj diverskulturaj, kaj matematikaj enigmoj.

# Pasporta Sperto

Mi eklernis E-on dum 1991 kaj komencis kontakti gesamideanojn eksterlande ekde 1992. Tiel mi konis tre bonajn personojn, simpatiajn kaj agrablajn. La unua gastigado, kiun mi ricevis de esperantistoj okazis en tiu jaro en Manaus, kie Dro. Jayme Pereira havigis al mi restadon en bona hotelo, kaj ankaŭ en sia hejmo. Nur tel mi estus irinta al tiu urbo, kie mi konis neniun kaj la hoteloj estas multekostaj. Nun mi konas la urbon, la riveregojn kaj legendojn de la regiono. Dro. Jayme eldonis interesan libron, "Kobro Granda", per kiu li rakontas historion kaj legendojn.

En 1993 mi ne ricevis monon de oficialaj organizoj por partopreni sciencajn kongresojn en Eŭropo pro la stranga kialo ke mi estos jam en Eŭropo (sed ne en la sama lando) tuj antaŭ la kongresoj. El tri kongresoj, mi ekhavis nur iom da mono por partopreni unu, kaj sukcesis partopreni unu plian danke al la ideo uzi gastigadon de esperantistoj. Mi estis en Budapeŝto kaj sciis kiel grava estas la movado en Hungario, eĉ kiam ĝi perdis forton post la komunisma periodo. Pluraj miloj da esperantistoj estas en la lando, grava biblioteko (de K. Fajszi), revuoj kaj kluboj. Mi volis iri al la urbo Pécs, kaj telefonis 4 tagojn antaŭ la vojaĝo al S-ino. Pallós Elizabeta, la nura samideano kiu aperis en Jarlibro por tiu urbo, kaj ŝi akceptis gastigi min.

Kiam mi atingis ŝian apartamenton mi iomete timis eniri la hejmon de iu, kiun mi ne konas, nokte kaj en fremda lando. Sed sufiĉis aŭdi la vorton "Saluton" kaj la timo malaperis, la parolado komenciĝis afabla. Estis malgranda apartamento (kiel ĉiu distribuata en la komunisma tempo): du salonetoj kaj kuirejeto. Mi dormis sur simpla lito, preskaŭ sur la grundo, sed kontenta esti ene de unu hungara hejmo. Se mi estus irinta al hotelo, mi elspezus mian monon kaj ne konus tiel bone la vivmanieron de la homoj tie. Elizabeta estis pli ol sesdekjaraĝa, similis al mia patrino pro sia fizionomio kaj vivmaniero, kaj estis vidviniĝinta antaŭ malmulte da tempo. Mi uzis iom da tempo de mia restado en la urbo por paroli kaj promeni kun ŝi. Mi ne pentis pri tio, ke tiu tempo povus esti uzata por pli profesiaj kontaktoj. Mi sukcesis fari tion, kio kondukis min al E-o: paroli al eksterlandano kiu nur konas E-on kiel duan lingvon.

Ŝi rakontis al mi, ke ŝi laboris pri turismo kaj en unu tago du poloj volis paroli E-on, kaj ŝi hontis ne koni tiun lingvon. Iam, dum ŝi klopodis lerni la anglan, ŝi demandis al la instruisto (tre grava, serioza, angla) pri la nomo de unu persono el la reĝa brita familio.

Kaj la instruisto respondis: "tiun nomon, bedaúrinde, mi ne konas, do mi ne scias kiel prononci".

Tion ŝi ne satis, forlasis la kurson kaj vizitis E-klubon. Tie oni diris al ŝi: "Ni ne instruas E-on, ni nur parolas. Sed estas libroj, vi povas memlerni". Tiel, ŝi lernis E-on.

Dum promenado, ŝi montris al mi unu placon en la centro de la urbo, kies nomo estas "Parko Esperanto". Mi miris, kaj demandis "Kiom da esperantistoj estas en Pécs?" Ŝi respondis "Mi ne povas kalkuli por Pécs mem, sed en la regiono, plimalpli 500". Mi miregis!

Ŝi invitis min iri al la hejmo de alia samideanino, ankaŭ ŝi vidviniĝinta, kie ni manĝis "goulash", drinkis ruĝan vinon, kaj tre bone paroladis kaj ridis. Neforgesebla momento. Nokte, la somera ĉielo de Pécs estas tre, tre blua. Ŝi diris: "Estas la plej blua ĉielo en la mondo". Fakte estas, almenaŭ laŭ mia kono. Revuo "Esperanto" de marto 1996 kunportis la malbonegan novaĵon, ke ŝi mortis en decembro. Kaj aldonas ke ŝi estis prezidanto de Hungara E-Asocio, de preskaŭ 20 jaroj, kaj grave aktivadis en la movado. Ŝi neniam diris tion al mi. En la ĉambro de sia hejmo estis unu granda pentraĵo de sia edzo, militisto, kunportante plurajn medalojn. Neniun medalon la E-movado donas, ĉar ne necesas. La bona agado donas tiom da brilo al la okuloj...! Kiu medalo estus pli valora? Kiam la ĉielo aperas pli blua, mi ĉiam memoras pri ŝi.

Jozefo J. Lunazzi, Kampinaso



Esperanto - Parko Pécs - Aŭgusto 1993

# BEL INFORMAS

**AĈETO DE ĈAMBROJ**
LIGO aĉetis du novajn ĉambrojn danke al mondonaco de esperantisto, kiu deziras, intertempe, esti anonima. Ili situas en la sama konstruaĵo de BEL-sidejo, numeroj 307 kaj 308.

**AĈETO DE NOVAJ EKIPAĴOJ**
La sama persono kiu donacis la menciitajn ĉambrojn rajtigis la estraron de LIGO informiĝi pri la prezoj de ekipaĵoj bezonataj por instalo de multmedia nukleo. LIGO jam konstatis tion kaj la koncerna elspezo estas ĉirkaŭ R$ 50.000,00. Reprezentantoj de LIGO partoprenis FENASOFT-ekspozicion, kie estis selektitaj la ekipaĵoj kaj jam pagitaj. Baldaŭ ni revenos al la temo.

**FALDFOLIO** "Kiu scias Esperanton vivas la mondon"
LIGO mendis reeldonon de la faldfolio (portugallingve: "Quem sabe o Esperanto vive o mundo"), ĉifoje je 100.000 ekzempleroj, pro elĉerpiĝo de la antaŭaj eldonoj. Pro la multnombra represado, okazis bona redukto de prezo laŭ unuo, kio signifas pli grandan vendadon de la menciita informilo. Cetere ĝi estis rekomendita de UEA al Landaj Asocioj kun koncernaj nacilingvaj tradukoj.

**ESTRARKUNSIDO: Tago-Ŝanĝo**
La ordinaraj kunsidoj de BEL-Estraro okazos ne plu merkrede sed lunde de 9.00 h ĝis maksimume 12.00 h.

**MATRIKULA SUKCESO POR ESPERANTO-KURSO**
CIL (Centro Interescolar de Línguas, Plano Piloto SGAS 907/908 - Módulo 25126, Brasília/DF, CEP 70390-075), paralele al aliaj kursoj de lingvoj (angla, franca kaj hispana) malfermis 103 lokojn disponeblaj al interesatoj pri Esperanto-kurso. Ĝojige estis ke prezentiĝis 239 kandidatoj por tiuj vakaj lokoj. La kurso jam komenciĝis kaj la instruisto estas Prof. Josias Ferreira Barboza, LIGO-membro kaj Delegito de UEA, en la urbo Gama (DF).

**BIBLIOTEKO DE CIL** (Centro Interescolar de Línguas, Plano Piloto, Brasília/DF)
La Profesoro Devanízio Apolinário dos Santos, Direktoro de CIL, elmontrante sian kontenton pro la interesiĝo rilate al la Esperanto-kurso ĵus komenciĝinta en tiu Centro, jam intencas venontjare, ampleksigi la enskribiĝnombron por tiu kurso. Li ankaŭ opinias ke la Biblioteko de CIL entenu publikaĵojn esperantistajn. Sekve de tio BEL-Estraro decidis: l-e) Donaci duoblajn ekzemplerojn de revuoj disponeblaj ĉe LIGO, 2-e) La estraranoj individue donacos librojn nome de LIGO, 3-e) Kontakti la Estraron de Brazilja Esperanto-Asocio cele al kampanjo ene de FD, por kolekto de libroj donacotaj al CIL-Biblioteko; 4-e) Pere de la revuo oficiala Brazila Esperantisto kunvoki al ĝenerala apogo de la peto farita de CIL-Direktoro, 5-e) Sugesti al la Profesoro Josias Ferreira Barboza por pledi ĉe eldonistoj de periodaĵoj esperantistaj de la tuta mondo por daŭra abono senpaga al CIL-Biblioteko.

**AGO-TAGO**
Kiel ĉiuj scias UEA fiksis la AGO-TAGON je la unua sabato de oktobro. La Komisiono pri esperantistaj evento-realigoj de FD pretigis manifestaciojn en tiu tago. La Estraro de LIGO petas ke la grupoj organizintaj manifestacion omaĝe al AGO-TAGO pretigu raporton post la okazigo, ĉar LIGO intencas organizi dosieron kun ideoj pri tiu temo, cele al estontaj konsultoj de asocioj kiuj deziras enkonduki novajn manierojn de Esperanto-disvastigado. La raporto devas enteni informojn pri la proponita ideo kaj ties praktikaj rezultoj.

**ALVOKO DE VOLONTULOJ POR KUNLABORO ĈE BEL**
LIGO bezonas volontulojn por plenumi la statutajn celojn. Se vi, leganto, disponas pri libera tempo kaj deziras partopreni la volontulan servon, kontaktu BEL-Estraron.

**DUJARA LIBRO-EKSPOZICIO DE URBO SAN-PAŬLO EN 1998**
BEL-Estraro decidis interesiĝi tiusence ke Esperanto estontece partoprenu de la ĉefaj libro-foiroj en la lando. Ĉar S-ino Néia Lúcia Souza pretas respondeci pri tio, la estraro decidis: (a) Sukcesi pri stando por Esperanto ene de la Dujara Libro-Ekspozicio de São Paulo; (b) Akcepti la apogon de S-ino Néia tiucele; (c) Peti al S-ino Néia prezenti planon por la partopreno de Esperanto, ne nur dum la DLE de São Paulo, sed en ĉiuj aliaj elstaraj libro-foiroj kiuj sisteme okazas en Brazilo, kiel tiuj de Rio de Janeiro, Belo Horizonte, Brasília, ktp.; (d) Konsideri, en la projekto, ke la laboro devas esti realigata de la lokaj asocioj, apoge de BEL.

**ELDONADO DE KASEDO-RAJTIGO**
LIGO ricevis dokumenton rajtigan la 27-an/07/97 de S-ro Newton J. Monteiro pere de kiu li rajtigas BEL, laŭ peto de la Vic-Prezidanto Francisco M. Oliveira eldoni kasedon kiel kompletigon al la libro "Esperanto - Língua Internacional, Curso sem Mestre", kun titolo de interna kovrilo: "Esperanto sem Dúvida", kaj reeldoni la saman metodon de Esperanto-lernigado kune kun la cititaj kasedoj de instruado kaj prononco. Tiu ĉi rajtigo ne postulas de BEL pagon al la aŭtoro de iu ajn eldonrajto, kaj estas donaca oferto. Estas antaŭgardaj rajtoj de Livraria-Distribuidora e Editora Espírita "Nosso Lar" Ltda., kiu devas doni la respektivan permeson. BEL-Estraro, nome de brazilaj esperantistoj dankas, publike, la komplezemon de S-ro Newton J. Monteiro.

**FONTO + BEL = PROGRESO**
BEL fariĝis la ekskluziva distribuanto de la libroj eldonitaj de FONTO, unu el la plej gravaj eldonejoj ene de la esperantista mondo, laŭ kontrakto subskribita en julio/97. Por aĉeto de ties libroj, membroj de BEL rajtos al rabato je 10%; por aĉeto de 2 libroj samtempe kaj al la sama adreso, estos rabato je 20%; por 4 libroj rabato je 25% kaj ekde 5 ekzempleroj, rabato je 30%! Planu aĉeton monatan de FONTO-libroj. Elektu la pago-tagon kaj BEL sendos la

librojn. Inter la aŭtoroj: Graciliano Ramos, Machado de Assis, Taunay, Guimarães Rosa, Ernest Hemingway, Pedro Bloch, Neruda, Menotti del Picchia kaj Júlio Dantas; inter la tradukistoj estas Leopoldo Knoedt, Paulo Sérgio Viana kaj Geraldo Mattos. Kelkaj lastaperintaj titoloj: ALIENISTO (LA) - R$ 9,00 / DUDEK POEMOJ AMAJ KAJ UNU DESPERA KANTO - R$ 9,00 / SUPEO DE LA KARDINALOJ (LA) - R$ 6,00 / MARKIZINO DE O... R$ 9,00 / URNOJ KAJ RUNOJ - R$ 9,00.

**ESPERANTO EN LA BRAZILA ALTEBENAĴO**

Disponeblas laŭ la prezo de R$ 33,00 kaj entenas aspektojn de la Esperanto-Movado en Goiânia, Anápolis kaj Alto Paraíso, Goiás kaj en Brasília, DF.

**ASTERIKS**

Serio el kiu BEL rekte aĉetis de la Eldonejo Izvore el Kroatio, jenajn titolojn: ASTERIKS KAJ KLEOPATRA, ASTERIKS ĈE OLIMPIAJ LUDOJ kaj ASTERIKS KAJ LA NORMANOJ. Prezo po ekzemplero: R$ 13,00. Rabato por BEL-Membro: 1 ekz. 10%; 2 ekz. 15% kaj 3 ekz. 20%.

## BEL-JARLIBRO 97

**Aldonas Membro-Listo:**

AFFONSO BORGES GALLEGO SOARES
Av. Roberto Silveira, 517/104
NITERÓI, RJ 24230-153
CELSO LUIZ PIEDADE
Dept. Aviação Civil, Sala 502
RIO DE JANEIRO 20021-340
CYRENE LINDALVA SILVA
Rua Cônego Santana, 1360
BELO HORIZONTE, MG 31150-490
EDIMILSON DE SOUZA
Av. Perimetral Norte, 10999
GOIÂNIA, GO 74665-510
ELMA DO NASCIMENTO
Rua José Veríssimo, 19/402
RIO DE JANEIRO, RJ 20720-180
HENRIQUE ANSELMO SILVA BRAGA
Rua Peri, 123
RECIFE, PE 50900-480
JAIME GALDINO DA SILVA
Rua Cônego Santana, 1360
BELO HORIZONTE, MG 31150-490
JOSENILTON PASSOS DO NASCIMENTO
Rua Rio São Francisco, 41 - Mont Serrat
SALVADOR, BA 40425-060
LOURIVAL COSTA CARNAÍBA
Quadra 17, CL 10, Apto. 104
BRASÍLIA, df 73.045-170
SAID PONTES DE ALBUQUERQUE
Rua Contria, 513/301
BELO HORIZONTE, MG 30480-210
WALDIR ANTÔNIO SILVESTRE
SQSW 101 Bloco "D", Apto. 203
BRASÍLIA, DF 70670-104

# MOVADO




**POŜTSTAMPO-CEREMONIO**

La 12-an/07/97 dum la Solena Malfermo de la 33-a BKE en Curitiba, PR okazis la oficiala lanĉo de poŝtstampo esperantista omaĝe al la evento, reprezente de la Regiona Direktoro kaj Paraná-Poŝtoj, S-ro Roberval Borges Corrêa, kiam la Prezidantino de BEL, S-ino Symilde Schenk Ledon stampis kaj subskribis la filatelaĵon kiu apartenas al la Muzeo de la Paraná-Poŝtoj kaj ricevis rememorigan albumon pri la evento. Ĉe la Filatelia Agentejo de la Curitiba-Poŝtoj estis disponebla al interesatoj la respektiva stampigo.

## AMERIKA AGADO

82-a UK, Adelajdo, julio/97: -Okazis du kunsidoj de AA, unu fermita por la Komisiono, alia malfermita por la publiko, gvide de Komisiito de UEA Atílio Orellana Rojas. -Dum la solena fermo kongresa estis anoncitaj por Ameriko: Trofeo Fyne por BR, Brazila Esperanto-Ligo, Subvencio Cigno por KU-Kubo Esperanto-Asocio, Subvencio de Fondaĵo Saliko por Usono. -La revuo "ESPERANTO EN AMERIKO" estos lanĉita en decembro 97. -AA havas reprezentantojn landajn en Argentino, Brazilo, Kanado, Kubo, Meksiko, Usono kaj Venezuelo. Adreso por kontaktoj: A. O. Rojas, CC 1428, Cordobo, AR 5000.

## BRAZILO INTERNACIE

**BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA**

82-a UK, Adelajdo. Kanto, Dua Premio: Flávio Fonseca pro "Misarujo".

**TROFEO FYNE**, aljuĝata de UEA duafoje al BEL. pro duobla plinombriĝo en la lastaj du jaroj de la individuaj UEA-membroj, unua lando kiu havas pli da delegitoj ol antaŭ la pasintjara reformo de la DR; eldono de Jarlibro kaj regulaj landaj kongresoj.

**INTERNACIA ARTVESPERO**

25/07/97: Partoprenis elstare Doroti Marino, membro de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, en la rolo de sonĝmajstrino.

## BULTENO DE ESRG

Eldonata de Esperantista Societo de Rio Grande; kun diversaj informoj, plejparte en portugala lingvo, celas ĉefe neesperantistojn. En la numero 5, 6, 7/97 enestas la peto por sciigo de la interesatoj daŭre ricevi ĝin, aŭ ne. Jen oportuno por apogi la publikaĵon, nemalhavebla kiel movada informilo. Adreso: ESRG, Caixa Postal 233, Rio Grande, RS 96211-970.

## ESPERANTA HIMNO

Danke al Flávio Fonseca kiu malavare donacis al BEL kopiojn de la Esperanta Himno kaj muzikvinjeton de li verkita, kiuj riĉigos la hejmpaĝon de Ligo, iĝis ĝia propraĵo.

## FILATELA KLUBO ESPERANTISTA

Caixa Postal 983 - Goiânia, GO.
La Klubo realigos la VIII-an enlandan ekspozicion Junularan de Filatelio en la periodo 07-16/11/97 por festi la 110-an jariĝon de Esperanto. Tiucele estos lanĉita memoriga stampilo omaĝe al Zamenhof. Kiu deziras kolekti korespondaĵon signotan per tiu stampilo sendu poŝtmarkitan koverton adresita al si mem ene de koverto adresita al: Departamento de Filatelia-DEFIL/ECT, SCS-Quadra 5-Lotes 22/24, Ed. Apolo, BRASÍLIA, DF-BR aŭ rekte al: Agência Filatélica-DRIGT, Praça Cívica 11-Centro,GOIÂNIA-GO-BR.

## PERNAMBUKA ESPERANTO-ASOCIO

Nova Estraro elektita por la periodo 1997-1999: Prezidanto:Luiz Márcio de Oliveira Assunção, Vic-Prezidanto: Maria José Pontes, 1-a Sekretario: Jannes Markus Mabesoone, 2-a Sekretario: Heider Danilo de Oliveira, Kasisto: Hamilton Nery dos Santos, Vic-Kasisto: José Antônio da Silva, Bibliotekisto: Vera Lúcia Rocha.

## MEDICIN-SCIENCA FAKGRUPO
### serĉas esperanto-parolantajn kuracistojn

*Matthias Kamp, medicina kuracisto kaj aŭtoro de la libro "Revolucio en la Medicino" (en la germana lingvo), kuracista dokumentado de saniĝo per spiritaj fortoj, serĉas esperanto-parolantajn kuracistojn, naturkuracistojn k.a. Li gvidas la medicin-sciencan fakgrupon de la Amikaro Bruno Groening. Ĝi estas unu el la tutmonda plej grandaj grupoj pri spirita saniĝado, en kiu ĝis nun ankoraŭ ne ekzistas Esperanto-sekcio en la medicina fako.*
*En la fakgrupo estas kunligitaj plí ol 1600 personoj el kuracaj profesioj, inter ili ĉirkaŭ 300 medicinaj kuracistoj. Pere de regula, senpage eldonata fakrevuo, kunvengoj kaj regionaj kunvenoj spertoj estas interŝanĝataj kaj la ligitaj fakuloj konatiĝas kun la spiritia saniĝo.*
*En la kuracista grupo saniĝoj estas medicine ekzamenataj kaj parte sendepende dokumentataj. Per prelegoj antaŭ fakpubliko, ĝis nun en Germanio, Aŭtrio, Svislando, Nederlando, Belgio, Hungario, Pollando, Rusio kaj Ukrainio, fakularoj estu klerigitaj pri la ablecoj de spirita saniĝado.*
*Interesiĝantaj kuracistoj, sed ankaŭ personoj el aliaj kuracaj profesioj, turnu sin kun mencio de la profesio kaj komprenataj lingvoj al la respondeculo de la amikaro pri Esperanto: Detlef Meier, Hauffstr. 15, D-63071 Offenbach, Germanio.*

## *SAVU ESPERANTAĴOJN*

*Voko al ĉiuj arkivistoj, bibliotekistoj, katalogistoj, muzeistoj, kaj tiuj, kiuj kolektis/as historiaĵojn kaj valorajn esperantaĵojn:*
Diskuto pri komenca laborplano okazis dum la 82-a UK, en Adelajdo, malfermita al ĉiuj, kiuj havas intereson pri la konservado kaj prizorgo de esperantaĵoj mondvaste. La kunordiganto estas: William R. Harmon, 2389 Thackeray Drive, Oakland CA 94611, Usono.

## AGO-TAGO

Esperanto-Klubo "João Ernesto", Ubá-MG programis jenajn manifestaciojn: 30/09/97, ĉe la Publika Biblioteko Municipa per donaco de libroj, diskursoj kaj kantoj; 04/10/97, sur Strato São José ekspozicion de libroj esperantistaj.

## EVENTOJ-KALENDARO

19/10/97- 30-a E-Renkontiĝo Sudparaiba Valo, Paraíba do Sul, RJ

28-30/11/97- 11-a Nordorienta Renkontiĝo de Esperanto kaj 4-a Renkontiĝo de Esperanto de Asocioj de Nordoriento. Informoj: Ceará Esperanto-Asocio, Rua Waldery Uchoa, 50, Benfica, 60020-110 - Fortaleza, CE.

30/04/98-03/05/98- 1-a Sudorienta E-Renkontiĝo (SER), Rio de Janeiro, RJ. Organizantoj: AERJ kaj partopreno de ŝtatoj SP, MG kaj ES. Temo: "Defio de Tutmondigo". Por kontaktoj: Rua Senador Dantas, 117, Sl., 1341 - Centro, Rio de Janeiro, RJ 20031-201.

19-24/07/98- 34-a BKE-19-a BEJK, Salvador, BA.Organizado de Bahia E-Asocio kaj aŭspicio dc BEL. Temo: "E-o kaj Interreto: Globigado de la Komunikado". LKK: Caixa Postal 945, 40001-970 Salvador, BA. esperanto@gd.com.br

13-15/11/99- 10-a Sudbrazila E-Renkontiĝo, en Florianópolis, SC / Fondaĵo Simpozio, organize de E-Asocio de Santa Catarina, kun partopreno de ŝtatoj RS, PR kaj SP.

## EVENTOJ INTERNACIE

9-12/10/97- 51-a Argentina Kongreso de Esperanto (Temo: "Strategioj por eniri la Eksteresperantan Komunumon") kaj 4-a Internacia Konferenco pri Instruado (Temo: "Edukado, Informado, Aplikado: Bazoj por Esperanto en la Tria Jarmilo"). Oganize de Asocio Buenos Aires de Esperanto. LKK:Díaz Colodrero, 2346 Pb B, AR-l431 Buenos Aires, AR.

15-17/11/97- 3-a Kolombia Kongreso de Esperanto (Temo: "Esperanto kaj Futuro"), Medeĝino-Kolombio. lrestrer@epm.com.co

11-24/01/98- 14-a Aŭstralia E-Somerlernejo, Ipswich. Organizas E-Federacio de Kvinzlando. Adreso: Queen Victoria Parade, Ipswich, Queensland, 4305 Aŭstralio.

20-22/11/98- Kultura Esperanto-Festivalo en Santiago de Cuba. Kontaktoj: Kuba E-Asocio, PF 5120, Havano 10500, Kubo.

27/01-03/02/99: 4-a Tutamerika Kongreso de Esperanto (TAKE), Bogotá, CO. Adreso por kontakto. Calle 45, N-ro 13-75.



## RENKONTIĜOJ

### GAŬĈA ESPERANTO-ASOCIO

-Nova adreso sideja: Rua dos Andradas,1251, S/103, Porto Alegre, RS 90020-007

-Novaj kursoj organizataj: progresigaj, perkorespondaj kaj superaj.

-Okazigis la 9-an Sudbrazilan Esperanto-Renkontiĝon, (18-22/09/97), per varia programo en la sidejo de DESEAK kaj elstara artvespero ĉe la Leĝofara Domo per prezento de la fama Folklora Grupo CTG 35. La 10-a SER okazos en 1999, 13-15/11 en Ŝtato Santa Catarina, Florianópolis, ĉe Fondaĵo Simpozio, organize de Esperanto-Asocio de Santa Catarina.

### ABCDE-(Associação Brasiliense de Curso e Didática do Esperanto)

Rua Paraná, 325-329, Jardim Brasil I, Olinda-PE 53230-510

Okazigis II-an Renkontiĝon de Esperantistoj de Pernambuko, 26-27/09/97. Temo: "Esperanto: Ideala Solvo; Problemo por Ĉiuj", ĉe IEP, Lernejo Sylvio Rabello, Recife-PE.

### AERĴ (Asocio Esperantista de Rio de Janeiro)

-"Semajno de Esperanto en Petrópolis" -13-21/09/97

-IV-a Renkontiĝo de Esperanto de Granda Rio, Padre Miguel. Temo: "La Lingvo kiel Instrumento de Subpremado" - 28/09/97.

### NITERÓI ESPERANTO-KLUBO

Ora jubileo festita dum Renkontiĝo de O5-07/09/97 kaj sukcese okazinta per prelegoj: "Esperanto fronte al la ekonomika hororo" (G. Ledon), "Internet-Medio por Esperanto-Agado" (J. R. Piton), "Esperanto kaj socia frenezo en la sojlo de la tria jarmilo" (Sylla Chaves) kaj Simpozio: "Esperanto survoje al jarcento XXI" (Sylla Chaves, Luiz Alberto de O. Coelho, Symilde S. Ledon, A. Sartorato, gvide de A. Luiz R. de Sousa.) La artaj prezentoj estis altnivelaj kaj sukcesaj.

### ESPERANTISTA SOCIETO DE PORTO ALEGRE

La 30-an/08/97 prelegis Prof. Arthur Lucas pri "Fundamentaj Elementoj de Esperanto-Movado" ĉe la sidejo, post la tradicia kunveno de la lasta sabato de la monato, en la Trinkejo-Restoracio Tutty's, de la **Verda Kafo**, kiu festos en 1998 la dudekan jariĝon.

## KVAZAŬ RECENZO

### Analoj de EASP (1937 - 1997) 60 jarojn sub steloflagrado

Gilbert R. Ledon - eld. aŭtoro - 1997 - broŝuro - 72 paĝoj
Prezo $ 4,00 - ĉe BEL kaj EASP

ANALOJ DE EASP

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

1937 - 1997

60 jarojn sub steloflagrado



Gilbert R. Ledon

Kun granda ĝojo mi skribas por rememori tiujn feliĉajn tagojn dum kiuj ni ĝuadis - la agrablan ĉeeston de la geedzoj Ledon & Symilde - kiuj vere feliĉigis nin per siaj talento, inteligento kaj valorega poresperanta laboro. Estis privilegio por mi partopreni tiujn kunsidojn de ili gviditaj en Braziljo. Sed mi kaj miaj vojaĝkunuloj en la aŭtomobilo, dum nia revenado al Muritiba, (mia filo kaj mia edzino) daŭrigis ĝuante per legado de la "Analoj", kiujn vi tiel ĝentile oferis al ni. Iam kaj iam, oni aŭskultis laŭtajn ridegojn, kiam ni legis la humorajn rakontojn kaj viajn spritajn rimarkojn en la tuta Analo. Mi miris ĉar antaŭe, mi lastatempe, ne plu sukcesis legi tutan libron. Ĉiam venis al mi dormemo kaj laciĝo. Sed viaj Analoj, tio estas la 60 jara historio de la Esperanto Asocio de San-Paŭlo, neniel lacigis nin, sed kontraŭe kuraĝigis nin legi la tuton de komenco ĝis la fino!... Mi gratulas la aŭtoron, kiu estas kapabla igi iun resanigi sian maldiligenton kaj vori dumvojaĝe tutan libron!... Mi legis laŭtvoĉe kaj kelkfoje tradukis al miaj kunvojaĝantoj por ke ili ankaŭ partoprenu la legadon.

Manoel Borges dos Santos

## *Esperanto en RADIO*

**NOVA ADRESO**: Radio CBN Klubo de Sorocaba (1080 khz, AM): Avenida Washington Luiz, 1200 - Sorocaba, SP 18030-270

**RADIO HAVANO KUBO**: Ĉiudimanĉe elsendoj al Tuta Ameriko kaj Karibo je la 15,00 utc., 25m 11760 khz; kaj en 49 m, 6070 khz. Bonvenigas leterojn, poŝtkartojn kaj bultenojn esperantistajn.

**UNIVERSITATA RADIO**: 107,9 Mhz - UFC. Ĉe Universitato Federala de Cearao okazas ekde aŭgusto-97 elsendo de programo pri Esperanto. Bv. sendi gratulkarton al Ĵurnalisto Agostinho Gósson. Direktoro. Adreso. Rádio Universitária, 107,9 Mhz-FM, Av. da Universidade, 2910 - Benfica FORTALEZA, CE 60020-181.

## DELEGITA RETO DE UEA

En UEA-Jarlibro 1997, p. 294-295 konstateblas la revenko por unua loko de Brazilo laŭ individuoj: 228; dua loko Germanio: 199; tria loko Francio: 143. Laŭ Delegitoj: unua loko Germanio: 119; dua loko: Francio: 106; tria loko: Brazilo: 73. Laŭ Vic-Delegitoj: la revenko por Brazilo: 22; dua loko: Germanio:13; tria loko: Italio: 10. Laŭ Junular-Delegitoj: unua loko Brazilo: 8; dua loko: Germanio: 7; tria loko: Argentino kaj Ĉinio: 3. Laŭ Fakdelegitoj: la revenko por unua loko Brazilo: 199; dua loko: Germanio: 152; tria loko Francio: 85. Gratulojn al nia Ĉefdelegito Manoel Borges dos Santos!

## LA SENCO DE LA VORTOJ

Kroniko de Maria Almada

Iu neesperantisto akuzis min, ke mi aŭdace propagandas pri la Internacia lingvo, Esperanto, ĉar mi estas gloramanto kaj volas elstarigi la lingvon, dirante, ke ĝi estas mondlingvo. La angla lingvo estas jam larĝe disvastigita kaj lernata. Vi esperantistoj estas tro ambiciaj. Mi ne hontas diri, ke mi estas ambicia, tiu senco pelas min agi. Dependas kiel oni tiun vorton interpretas. Se ni estas ambiciaj egoisme ĝi iĝas malbonsenca, sed se ni utiligas nian ambicion idealisme, celante la bonfarton komunan ni kreas kaj atingas nian celon.

L.L. Zamenhof estis ambicia kaj kreis Esperanton idealisme celante la komunan bonfarton. Artistoj kreas mirindajn artaĵojn la sciencistoj per ilia kuraĝa kaj idealisma fortostreĉo jam sanĝas la mondon. Alberto Santos Dumont, ambicie kreis la aviadilon kaj ni flugas tra la tuta hemisfero akomode. Homoj, kiuj komencas sian vivo-vojon havante nenion, nur sian ambician kuraĝon kaj fine venkas, ili estas mirindaj preskaŭ herooj. Sen la ambicio la vivo estus teda kaj senvalora. Niaj okuloj observus ĉion tra nebulo, ne atingante la horizonton.

Ni rajtas revi kaj devas revi per bonvolema ambicio kaj tiel atingi nian celon kaj sukceson. Ni aŭdace devas sekvi la paŝojn de nia majstro Zamenhof. Li instruis al ni havi paciencon kaj aŭdacan kuraĝon. En nia vivokirlo ni devas uzi nian koron kaj racion, ĉar en la esperanto-movado la vorto ambicio havas sencon de idealismo, paca kaj frata.

### ORA JUBILEO

Dum la 33-a BKE en Curitiba, julie/97 estis speciala artvespera prezento omaĝe al la Ora Jubileo esperantista de tri elstaraj brazilanoj:

GERSI A. BAYS, GERALDO MATTOS
EVALDO PAULI

# LA VERDIKTO DE KRISTO

*Aŭtentika Kopiaĵo de la Dokumento de la Proceso de Kristo, kiu estas en la Muzeo de Hispanujo.*

En la jaro deknaŭa de Tiberio Cezaro, Tutmonda Romania Imperiestro, nevenkebla Monarko en la Olimpiado cent dudek unua, kaj en la Iliado dudek kvara, de la monda kreado, laŭ la numero kaj kalkulo de la Hebreoj, kvarmiloble cent okdek sepa, de la deveno de la Romana Imperio, en la Jaro sepdek tria, kaj en la liberigo de la mallibereco de Babilono, en la jaro mil ducent sepa, estante reganto de Judujo Kvinto"Serĵio"sub la regimento kaj reganto de la urbo Jerusalemo, la plej Dankinda Prezidanto Poncio Pilato; reganto en la malsupra Galileo Herodo "Antipo", pontifiko la Plej Alta Sacerdoto Kajafas; gravuloj de la Templo Aliso Almaelo, Robaso Akaselo, Franĉino Centaŭro; romanaj konsuloj de la urbo Jerusalemo, Kvinto Kornelio Sublimo kaj Siŝto Rusto, en la monato Marto kaj 25-a de la kuranta jaro - Mi, Poncio Pilato, ĉi-tie Prezidanto de la Romana Imperio, interne de la Palaco kaj Arki-loĝejo, mi juĝas, kaj kondamnas je morto, Jesuon nomitan de la plebo - Kristo Nazaretano - kaj galileano - laŭ Nacio, ribela homo kontraŭ la Mosea Leĝo - kontraŭa al la Imperiestro, la Granda, Tiberio Cezaro. Mi determinas kaj ordonas per ĉi-tiu verdikto ke oni donu al li morton, sur la kruco, najlite, kiel ĉiuj juĝitoj, ĉar per kunvokado kaj interkonsentado kun riĉaj kaj malriĉaj homoj, li ne ĉesis instigi tumultojn en tuta Judujo, dirante sin filo de Dio kaj Reĝo de Judoj, minacante per la ruiniĝo de Jerusalemo, kaj de la sankta Templo, neante la tributon al Cezaro, havante ankoraŭ la aŭdacon eniri kun palmoj kaj triumfe, kun granda parto de la plebo, en la urbon Jerusalemo. Li estu ligita kaj skurĝita, kaj vestita per purpuro kaj kronita per kelkaj dornoj, kun la propra kruco sur la ŝultroj por ke li donu ekzemplon al ĉiuj krimuloj, kaj kune kun li estu kondukitaj du murdintaj rabistoj; elirante tuj tra la sankta pordo, hodiaŭ nomata Antonia, kaj oni konduku Jesuon al la publika monto de la Justeco nome Kalvario, kie, krucumita kaj mortigita restos lia korpo sur la kruco, kiel spektaklo al ĉiuj krimuloj kaj sur la krucon oni metu, en diversaj lingvoj,ĉi-tiun titolon: Jesuo Nazaretano, Reĝo de la Judoj. Mi ordonas ankaŭ, ke neniu homo, kiu ajn estu lia stato aŭ kondiĉo kuraĝu, senpripense, malpermesi la Justecon, de mi ordonatan, administrotan kaj ekzekutotan per plena severeco, laŭ la Dekretoj kaj Romanaj Leĝoj sub la punoj al ribelo kontraŭ la Romana Imperio. Atestantoj de nia verdikto: Por la dek du triboj de Izraelio: Rabeno Danielo, Rabeno Joakimo Banikaro, Banbasuo, Lareo Petukulanio. Por la fariseoj: Bullienielo, Simeono, Ranolo, Babineo, Mondoanio, Bankurfosio. Por la hebreoj: Matumberto. Por Romana Imperio kaj por la Prezidanto de Romo: Lucio Sekstilo kaj Amacio Ŝilicjo.

E-igis MILTON SERRA

# BEL kaj NRO-oj

La brazila Esperanto Ligo estas vole-nevole NRO-o t.e. NEREGISTARA ORGANIZAĴO, kaj kiel tia ĝi agas en la socio. "Post la EKO 1992 EN RIO la mondo ne plu estas la sama", oni ofte legas. Sed kio fakte nuntempe estas malsama? Kian signifon havas tiuj NRO-oj entute?

Miloj da civilaj homgrupiĝoj tra la tuta planedo agas, agadas, agetas kun pli malpli da efiko aŭ sukceso. Temas pri spontaneaj deziroj fari ion kion probable la REGISTARAJ ORGANIZAĴOJ DEVUS FARI KAJ NE FARAS.

Ĝis 1992 tiuj homgrupoj agadis loke, nacie kaj kelkfoje internacie pri la sama temo, sed post la Rio Konferenco la konsciiĝo pri la propra forto se kunordigata mondvaste kreskis notinde.

Ĝi kreskis ĝis tia grado, ke paralele al fama Agenda 21 de la V.N. la NRO-oj subskribis 36 traktatojn milope kiel sindevigo por agado.

En marto ĉi-jare okazis en Rio de Janeiro la konferenco RIO+5 por pristudi la agadon de la Registaroj kaj de la NRO-oj kaj certe pluraj el niaj legantoj, se interesita, legi en la taĝĵurnaloj pri la rezultoj. La temoj estis vastaj: biodiverseco, arbaroj, energio, transportoj, agrikulturo, dezertigo, sano, indiĝenoj, nigruloj, infanoj, virinoj, komerco, produktado, homaj rajtoj, socia justeco, universala edukado, unueco en diverseco, ktp.

Sendube nia movado havas ion tre valoran por kontribui, ĉefe rilate la lastajn 4 temojn.

Valoras ĉi tie rememorigi, ke tre nature kaj sen granda malfacileco la esperantistoj sukcesis dum la EKO 92 enmeti paragrafon pri la uzo de Esperanto fare ĉiuj NRO-oj de nia mondo. Ni estu realismaj kaj komprenu, ke tiu pia deziro nur estas deziro kaj ankoraŭ ne realiĝis, sed iam estas la unua paŝo al mondvasta konsciigo en medio sentema al nia mesaĝo.

En januaro 1997 okazis en Brasilia Nacia Konsultiĝo de centoj da NRO-oj prepare al la Konferenco RIO+5 kaj aktualigo de la sociaj movadoj entute. VEA kaj la bienlernejo BONA ESPERO reprezentis la esperanto-movadon kaj aperas en la resuma libro, kio per si mem estas efika informado ĉe la ceteraj NRO-oj. Tuj poste ankaŭ BEL aliĝis, sed bedaŭrinde tro malfrue por ankoraŭ eniri la finan libron.

Estas ĝis nun modesta paŝo de nia movado, aperi sur la nacia kaj internacia scenejo de la civila socio, kiu aktive kunlaboras kun la V.N., sed tamen estas elmontro, ke ni esperanto-parolantoj pretas ĉeesti kaj kunlabori kaj ke nia mesaĝo al la mondo estas inter la plej noblaj .

Vrsula Grattapaglia

# KIAL B.E.L.?

Ĉeestinte la lastan 11an Esperanto-Renkontiĝon okazinta en la ĉarma sed "montara" urbo Barra Mansa mi konstatis ke pligrandiĝas la intereso por la studado de nia kara lingvo Esperanto.

Mi kredas ke ĝuste pro tio la Renkontiĝo, malgraŭ la deklivoj (ambaŭ flanke), la ŝtuparoj kaj la pluvo, la evento estis plaĉega.

Ni havis oportunon konstatis, ke la intereso por Esperanto kreskas en ĉiuj medioj, ĉefe inter la ge-junuloj.

Tio estas, laŭ mia opinio gravega simptomo ĉar ĝi montras la naturan kaj necesan renovigon de la movada kadro...

Ni, la veteranoj, devas aplaŭdi, helpi kaj stimuli tian novan situacion, ĉar, sendube la junuloj, logike, reprezentas la estonton en tiuj homaj aktivecoj.

Dum la citita evento mi emis diri kelkajn vortojn koncernataj al la titolo de ĉi tiu artikolo sed mi ne havis okazon fari tion.

Hazarde tiu manko de oportuno estis favora, ĉar, preskaŭ ĉiam la parolataj vortoj eniras per unu orelo kaj eliras per la alia kaj ili falas en forgeso.

Do, tion kion mi intencis diri dum la Renkontiĝo mi faras per nia oficiala organo de esperanto kiu atingos pligrandan nombron da esperantistoj kaj mi trafos la ĝustan celon.

Delonge mi tuŝas la saman klavon koncernanta al Brazila Esperanto-Ligo.

Ni ĉiuj bone scias ke en nia lando ekzistas miloj da esperanto-parolantoj, sen kalkuli kun la nemezurebla nombro de tiuj kiuj ankoraŭ ne regas la lingvon sed sin sentas verd-stelanoj.

Kial ĝis nun nia nacia organo, la oficiala kapo de nia movado ankoraŭ ne sukcesis atingi la milan membron en sia kadro?

Ĝuste pro tio neniu esperantisto en Brazilo, eĉ la prezidantino de Ligo kapablas respondi la demandon: Kiom da esperantistoj ekzistas en Brazilo?

Ĉu ni preferas esti kaŝitaj verd-stelanoj anstataŭ esti konsiderata oficiale kiel tia?

Mi certe kredas ke ne!

Eĉ mi komprenas ke la financa situacio en nia lando (kaj en la tuta mondo) kunlaboras por tio... Tamen, ni ne povas forgesi ke la Landa Asocio nur povas labori aŭ plibone labori favore al la disvastigado de nia movado, se ĝi povos kalkuli kun la materiala kaj mona apogo de ĉiuj esperanto-parolantoj.

Ju pli da apogo, des pli da bona agado!

Pro tio, unu fojo pli, mi aŭdacas kunvoki ĉiujn samideanojn de Brazilo kiuj ankoraŭ ne estas membro de BEL, faru tion tuj! Nur apogante nian kapan asocion, sen antaŭjuĝoj, ni povos fakte kaj rekte kunlabori por ke ĝi pli efike kaj pli rapide laboru favore al la kreskado de nia movado en nia granda kaj belega Brazilo kiu atendas, kun espero, la bonvolon de ĉiuj esperantistoj por esti la kapo de la monda movado.

*BEL - Membrokarto*

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**

*Nomo*

*N-ro* **2398**

*Landa Asocio*
*Caixa Postal 03625,*
*70084-970 Brasília, DF*

*Subskribo*

*1997*

Kaj tion ni povas facile, dependas nur de ni.

Ĉiu membro de klubo kiu ne estas membro de BEL povas fari tion pere de la klubo mem. La klubo devas pagi NUR unu realon por aligi sian membron.

Se la klubo, pro financa problemo, ne povos fari tiun elspezon, ĝi rajtas peti la memvolan kontribuon de la membro por pagi sian propran membriĝon

Rimarku la avantaĝojn:

La membro aligita al BEL tiamaniere:

- ricevas membrokarton de Ligo;
- ĝuas rabaton dum naciaj kongresoj;
- rabaton en la Libro-Servo.

Ne forgesu: BEL siaflanke sendas al UEA la liston de tiuj aligitaj membroj (kiuj ankoraŭ ne estas membro de UEA). Ligo pagos 1 guldenon po membro al UEA kaj la membroj fariĝas ankaŭ de la Universala Asocio.

Kiaj pliaj avantaĝoj?

Tiu membro ricevas membrokarton de UEA kaj rajtos konsulti la Delegitan Reton.

Estimataj ge-samideanoj kaj speciale la gvidantoj de kluboj. Se BEL sukcesos grand-nombrajn aliĝojn tiajn kaj atingas 1.000 BEL-membrojn, nia Landa Asocio rajtas al nomigo de DUA KOMITATANO ĉe UEA. Konsekvence DU VOĈDONOJ dum la kunvenoj de UEA=Komitato...

Nun mi demandas: Ĉu tio estas NE EBLA afero por Brazilo kie, feliĉe ekzistas kelkaj miloj da esperanto-parolantoj?

Mi diras ke NE. Tio estas perfekte atingebla kondiĉe ke ni konvinkiĝu pri la nepra necesa apogo al nia Brazila Esperanto-Ligo!.

Jopomo

# Eldonaj kaj Aŭtoraj Rajtoj en Esperantujo

Dum la Ŝtata Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo, en Sorokabo, okazis en la 30-a marto de 1997 Ronda Tablo pri la temo "Eldonaj kaj Aŭtoraj Rajtoj en Esperantujo". Kunordigata de Prof. Jozefo J. Lunazzi, partoprenis ĝin Dro. Alcyr Guedes de Almeida, Inĝ. Gilbert Ledon, Dro. Osvaldo Pires de Hollanda kaj publiko.

La intenco de tiu Ronda Tablo estis kunigi fortojn por koni pli kaj konsciigi pri la graveco de la temo, sen kredi atingi kompletan gradon de informado.

Dro. Lunazzi komencis per mencio al la ŝanĝo de la leĝo rilate al tiu afero, ekde la tempo de Gutenberg ĝis la nuna informadika epoko. Pri tio, Dro. Alcyr rakontis du historiajn sintenojn, unu kiu postulas la intelektan kreaĵon kiel posedaĵo de la homaro (kiel Proudhon manifestis, ekz.) kaj alia, kontraŭa kaj akceptata de la nuna leĝo, kiu deklaras ĝin kiel varo, apartenanta al la aŭtoro ĝis sia morto kaj al sia familio ĝis 40 jaroj poste. Li informis pri la aktuala leĝo pri la temo, leĝo No. 1988, fakte ne tiel aktuala ĉar estas de la jaro 1973. Ĝi punas, ekz., la malrespektadon de la aŭtoraj rajtoj, per 3 monatoj ĝis unu jaro karcere, aŭ monpuno de Cr$ 2.000-7.000, kaj per 1-4 jaroj karcere aŭ Cr$ 10.000-50.000 punas la kopiadon de markoj kaj simboloj.

Inĝ. Ledon manifestis sian opinion : aŭtorrajto estas transdono de valoroj, kaj diris ne koni iun esperantiston, kiu sukcesas vivi nur per ricevado de la mono de rajtoj.

Komparis ankaŭ la aferon al la patentoj, kiun li konas pro sia teknika kaj komerca agado, kaj rakontis, ke oni povas iom ŝanĝi la aferojn por eviti konfliktojn dum la uzado de similaj ideoj. Sed li komprenas, ke la aŭtoro devas iom ricevi pro sia laboro en ne proudhona sociordo.

S-ino. Cecilia Caramez rakontis pri la problemo elsendi muzikon en la tradicia sabata programo de Radio Sorokabo, kaj tio enkondukis la partoprenantojn al konscio pri la malfacilo havi permeson de eldonistoj kaj aŭtoroj pri kiu oni ne konas adreson. Eĉ la landon kie ili vivas (se fakte ankoraŭ vivas) oni ne konas.

Dro. Osvaldo rakontis pri sia volo traduki al E-o libron de aŭtoro de la 15a jarcento, sed li legis en la libro frazon: "Estas malpermesita la reproduktado de tiu ĉi libro", kaj timas fari la laboron.

El la publiko, Aloisio Sartorato rakontis pri kazoj kie la eldonisto kontraktis la rajton eldoni sed nenion eldonis, malebligante tiel la disvastigadon de la verko. La parolanto Aloisio konsilis bone rezoni antaŭ ol subskribi kontrakton.

Lunazzi aldonis informojn pri aliaj leĝaj sed ne etikaj kazoj, kiel la apero de la aktoro Chaplin kiel propagando por banko, aŭ la uzado de la 9-a simfonio de Beethoven por vendi ion. Ankaŭ, la malpermeso aperi en interreto bildoj kaj teksto omaĝante Vinicius de Morais, aŭ la rajton



de la Brazila Asocio de Verkistoj kolekti de ĉiu brazila eldono monan procenton por klasikaj (antikvaj) verkoj. Tiel la familio, entrepreno aŭ faka asocio agas klare kontraŭ la ideo de la aŭtoro kaj malfaciligas la disvastigadon de liaj ideoj.

Li konsideras vera ankaŭ ke, simile al la patentoj, la defendo de gravaj monaj interesoj, pro sia kosto, apartenas efike nur al la grandaj entreprenoj. Surbaze de la informoj diskutataj, li proponis disvastigi en Esperantujo, kiel peto, la ideon liberigi por la lingvo Esperanto la uzadon, kopiadon kaj disvastigadon de ĉiu propra verko, klare enskribante tion en la verko mem. La efiko de E-o multobliĝos tiel, kiel montras, ekzemple, la grandan kaj rapidan disvastigadon de la komputila kurso kaj literaj fontoj faritaj en nia medio de Adonis Saliba. Se eventuale la aŭtoro ne akceptas tiun ideon, li povas almenaŭ akcepti iun proksiman formulon, kiel liberigi nur parton de la verko, aŭ nur "por malriĉaj institucioj", aŭ kelkaj difinitaj "malriĉaj landoj".

La propono emas konsciigi ankaŭ pri la afero ne vere ekzisti unu klara, nura internacia leĝo por facile defendi la menciitajn rajtojn, almenaŭ por la novaj informadikaj medioj, kiuj ebligas rapide eldoni, kopii, disponigi kaj sendi intelektan materialon el unu flanko al la alia en la mondo. Kaj ne forgesi la etikan fakton informi al la publiko pri la origino de la materialo, kaj al la aŭtoro pri la uzado de sia verko.

Sekve, s-ino. Symilde Ledon oferis la helpon de BEL por disvastigi la proponon inter la samideanoj el Brazilo por ekhavi de ili subskribon al la ideo en la 33a Brazila Kongreso de Esperanto, kaj poste disvastigi la ideon internacie. Tial aperas tiu ĉi artikolo al kiu mi devas aldoni kelkajn komentojn faritaj de Sro. Gersi Bays dum simila ronda tablo okazinta en Kuritibo dum la 33a BKE .

Sro. Bays, kiel grava eldonisto por Esperanto, rimarkis, ke li ĉiam ricevis helpon de aŭtoroj, kiuj donacas siajn rajtojn por sia eldono "Fonto". Tiel li akiras per bone vendeblaj libroj kiel "Gerda Malaperis", ekz., monon por eldoni aliajn, kelkaj tre gravaj kaj grandaj, kiel ekz. "100 Jaroj de Soleco" aŭ "La Dia Komedio". Iam li sciis pri nepermesita eldono de "Gerda" kaj eĉ pri sia disdono per interreto. Tiel, li estas kontraŭ liberigo de eldonaj kaj aŭtoraj rajtoj, por subteni la eldonistojn.

Li donis ankaŭ bonan ekzemplon pri la malfacileco trovi

aŭtoron: por "100 Jaroj de Soleco" li informis al la tradukisto, kiu loĝas en Venezuelo, pri adreso de la aŭtoro Garcia Marquez en Hispanio. Letero iris do de Venezuelo al Hispanio petante la senpagan uzadon de la rajtoj, sed ĝi ne sukcesis atingi la aŭtoron kaj oni devis sendi leterojn al aliaj indikitaj adresoj de la fama Nobel-premiito en: Kubo, Kolombio, Meksikio. Dumtempe Sro. Bays legis en ĵurnalo pri akcidento, kiun Garcia Marquez havis trudante lin resti semajnojn en hospitalo en !Karakas!, proksime do de kiu estis serĉanta lin. Pro kelkaj tagoj oni malfruis la kontakton, kaj tiu longa historio bone finis poste. !Imagu do kiel malfacile povus esti trovi familianojn de mortintaj ne famaj eldonistoj aŭ verkistoj!.

Alia informo kiun li donis rilatas al la kontrolo kiun la aŭtoro volus fari de la kvanto de ekzempleroj eldonitaj: laŭ Sro. Bays tute ne eblas nombri la ekzemplerojn, pro la granda kvanto.

Mi fermas tiun artikolon petante al ĉiu samideano kiu povos aldoni informojn aŭ komentojn pri la afero sendi leterojn al "Brazila Esperantisto" por permesi al la legantoj havi pli kompletan opinion pri la afero kaj eventuale subskribi dokumenton pri ĝi.

Jozefo J. Lunazzi






8ª dujara libro-ekspozicio-Rio 97 - Stando de eldonejo Lorenz

# AL AKTIVAJ ESPERANTO-PROPAGANDISTOJ

Daewoo estas la tria granda firmo en Koreio, kiu estas konata al esperantistoj per la nomoj de Daewoo aŭtomobiloj, "ESPERO" kaj "CIELO". Por montri la praktikan uzon de esperanto fare de komercaj firmaoj, ni ekkomencis kunlaboradon kun Daewoo. Unue, Daewoo pagos la tutan koston eldoni esperanto-version de la fame vendata libro "Vasta Mondo, Multaj Faritaĵoj" de KIM Woo-Chung, la prezidanto de Daewoo Grupo. Estos la 16-a lingva versio de la libro. Daewoo grupo havas ĉirkaŭ 40 kompaniojn de diversaj produktaĵoj en pli ol 50 landoj de la mondo. Daewoo, interalie, estas unu el la tri grandaj aŭtomobilfabrika kompanio. Du el iliaj aŭtomobiloj estas nomataj "ESPERO" kaj "CIELO" (sen supersigno sur C). Laŭ normala merkatuma strategio, la kompanio baldaŭ ŝanĝos la nomon ESPERO-n kaj ne plu estos ESPERO. Mi sugestis al la kompanio ke ili nomumu la novan aŭtomobilon "ESPERANTO". Mi devas montri al la komerca kompanio ke "Esperantujo" estas tre bona "niĉa merkato" en 120 landoj en la mondo, al kiu oni povas atingi nur en Esperanto. Do, mi petas al vi skribi leteron en Esperanto (kaj en angla, franca aŭ hispana lingvo) ke Daewoo nomumu la novan aŭtomobilon "ESPERANTO" (Jam estas-estis ŝipo nomata ESPERANTO kaj ne aŭtomobilo). Adresu vian leteron al: S-ro LEE Sung-Bong, Direktoro de Internacia Informado, Oficejo de la Prezidanto, Daewoo Grupo, C.P.O. Kesto 2810, Seoul 100-714, Koreio. Fakso: 82-2-759-3789, E-Poŝto: hseo@daewoo.dwc.cp.kr. En via letero, bonvole menciu jenajn punktojn: 1)- Estas ĝoja ke la granda firmao Daewoo Grupo decidis eldoni la fame konatan libron de Prezidanto KIM Woo-Chung en Esperanto. 2)- Esperantujo estas komerce tre bona "niĉa merkato" en 120 landoj. 3-) Sugestu nomumi la novan aŭtomobilon "ESPERANTO". Milionoj da homoj jam almenaŭ scias la nomon "Esperanto", kaj pro tio la nova aŭtomobilo estos facile reklamebla. Daeweoo subtenu Esperanto-movadon, kaj multaj esperantistoj ŝatus Daewoo. Vi povos aldoni aliajn informojn pri kiel Esperanto havas praktikan valoron. Prof. LEE Chong-Yeong, Shinsegae Town Apt. 5-1001 Soosung-Dong, Taegu, 706-031, Koreio. Tel.: +82-53-765-0880. Fakso: -765-0881. E-poŝto: LEE@esperanto.net

# Tro riĉa

Patrino demandis al Benjameno Franklin, kial troa riĉeco ofte estas akompanata de seniluziiĝo.
Franklin, vidante fruktoplenan korbon, prenis unu pomon kaj donis ĝin al la knabo, kiu ludis en la ĉambro. La infano preskaŭ ne povis firmteni ĝin per sia malgranda mano. Franklin nun prezentis alian pomon, kiun la knabo pene prenis per la alia maneto. Fine Franklin donacis trian frukton, pli belan ol la du aliaj; la infano kunigis ambaŭ manojn kaj metis ilin antaŭ la bruston, por ricevi la trian pomon metitan sur la du aliajn. Sed li ne sukcesis, la tria frukto falis teren kaj la knabo ekploris.
Franklin turnis sin al la patrino: "Vidu! Kun du pomoj la etulo estis feliĉa, kun tri pomoj li ne plu estas tia! Troa riĉeco ofte fariĝas ĝena."

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446

BRAZILA ESPERANTISTO

CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983

# PROPRAĴA BILANCO EN 31/12/96

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **AKTIVO** | | | | |
| -CIRKULANTA | | | | |
| Disponebla | | | | |
| Kaso | 3.039,25 | | | |
| Bankoj kun Kuranta Konto/Investaĵoj | 14.360,56 | | | |
| Libroservo | 7.881,26 | 25.726,41 | | |
| Kreditoj | | | | |
| Ricevotaj Fakturoj | 1.445,34 | | 26.726,41 | |
| - PERMANENTA | | | | |
| Komputiloj kaj Ceteraj | | 3.175,50 | | |
| Nemoveblaĵoj | | 42.979,86 | | |
| Biblioteko | | 3.353,90 | | |
| Mebloj kaj Utiligaĵoj | | 7.011,39 | 56.520,65 | 83.247,06 |
| **PASIVO** | | | | |
| - CIRKULANTA | | | | |
| Strikta Limpago | | | | |
| Kurantaj Kontoj | | 9.157, 1 5 | 9.157,15 | |
| -DISPONEBLA PROPRAĵO | | | | |
| Socia Havaĵo | | 71.601,92 | | |
| Saldo Favora de la Jaro | | 2.487,99 | 74.089,91 | 83.247,06 |

Ni rekonas la ekzaktecon de la ĉi-tiea Propraĵa Bilanco, prezentante finan sumon de R$ 83.247,06 (okdek tri mil, ducent kvardek sep realoj kaj ses centavoj) establita akorde al la dokumentoj prezentitaj al la librotenado ĝis la nuna dato.

## DEMONSTRO DE REZULTOJ EN 31-a/12/96

| | | |
|---|---|---|
| **ENSPEZOJ** | | |
| Jarkotizoj | 19.053,50 | |
| Diversaj Donacoj | 9.893,45 | |
| Financaj Enspezoj | 306,29 | |
| Libroservo | 53.358,51 | |
| Kurso per Korespondado | 3.280,05 | 85.891,80 |
| **AĈETO DE LIBROJ** | | |
| Libroservo | | 21.01 0, 77 |
| **ĜENERALAJ ELSPEZOJ** | | |
| Komunuzado (Komunokupado) | 4.681,00 | |
| Presaj Grafikaj Servoj | 27.845,60 | |
| Lunĉoj kaj Manĝoj | 3.451,20 | |
| Materialo de Kontoro | 3.318,85 | |
| Impostoj kaj Taksoj | 513,52 | |
| Rabatoj donitaj | 7.255,00 | |
| Elspezoj kun Dokumentoj | 208,45 | |
| Lumo, Telefono kaj Poŝto | 10.604,14 | |
| Purigado kaj Konservado | 1 .094,39 | |
| Elspezoj kun Eventoj | 3.420,83 | 62.393,04 |
| **SALDO FAVORA** | | 2.487,99 |

Ni rekonas la ekzaktecon de la ĉi-tiea Demonstro de Rezultoj, prezentante favoran saldon de R$ 2.487,99 (du mil, kvarcent okdek sep realoj, naŭdek naŭ centavoj), establita akorde al la dokumentoj prezentitaj al la librotenado ĝis la nuna dato.

Brasília (DF), 31-a de decembro de 1996.

Francisco Mattos de Oliveira
Vic-Prezidanto

Catarina Falcomer de Oliveira
Teknikisto CRC 002221-DF